# Etnismo

ISSNO930

N-ro 83 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.12.2008

IKEL-INFORMILO 1

## NOVA PAŜO POR INTEGRIGI ETNISTOJN KAJ INTERNACIISTOJN

Kiam, en 1972, la Asocio Internacia por la Defen... de la Min... Lin-
gvoj kaj Kulturoj (AIDMLK), okaze de sia kongreso ...
(Karintio, Aŭstrio) decidis alpreni tiun ĉi nomon ki...
aperu alilingvaj formoj, la tiutempe ege malmultaj in...
...estas programo
...IDMLK, simile
...interdependec...
...ongreso en Barce...
...ataluna ĉefurbo, la ...
tiu de la protektado kaj prosperigo de
la Internacia Lingvo.

IKEL
30-JARIĜIS!
25-an de
septembro
1978 - 2008




«Albanio apartenas al tiuj raraj landoj, almenaŭ en la malnova kontinento, kiujn ĉirkaŭas teritorioj kompakte loĝataj de sametnanoj.»

## EN TIU ĈI NUMERO :

P. 2 - 10 MINORITATOJ EN ALBANIO.

P. 11-12 NEDERLANDAJ LINGVOJ.

P. 13 SINDETERMINADO DE LA POPOLOJ: la kazo de Kosovo.

P. 14-16 SUD-OSETIO - ABĤAZIO.

P. 17 LA ARPITANA, minorigita kaj forgesita lingvo ...

P. 18-19 LA HISPANA REGISTARO KAJ LA HISPANA JUSTICO KONTRAŬ EŬSKIO.

P. 19-20 PINTA KONFERENCO EN BRUSELO PRI ROMAOJ.

P. 19-22 KONCIZE EL ...

P. 23-24 PRINCIPARO KAJ VALOROJ DE KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO kun enkonduko.

P. 25-28 IKEL-informas 63.




Mapo de Etna Albanio (sude la regiono de Ĉamerio, oriente Okcidenta Makedonio, nordoriente Kosovo, nordokcidente Montenegro).

Bardhyl Selimi

# Minoritatoj kaj plurkultureco en Albanio

## ENKONDUKO

Albanio apartenas al tiuj raraj landoj, almenaŭ en la malnova kontinento, kiujn ĉirkaŭas teritorioj kompakte loĝataj de sametnanoj. Nome, de parto de Montenegro (*Tuz*, *Plave*, *Gucio*, *Tivar*, *Ulcinj*, ktp), de Kosovo, de Okcidenta Makedonio (*Struge*, *Gostivar*, *Tetove*, *Diber* aŭ *Debar*, *Manastir* aŭ *Bitol* ktp) kaj de Norda Grekio (Ĉamerio kaj aliaj regionoj, Arto, Prevezo, Igumenico, Kosturo, ktp). Tio atestas ke minoritatoj ne reprezentas aŭtoktonan loĝantaron en Albanio mem. Cetere, la minoritatoj formiĝis historie, plejofte en la najbaraj ŝtatoj, pro diversaj kialoj.

Unu kialo povas esti ekonomia karaktero: grupoj de unu etno migras pli facile al la najbara ŝtato por trovi tie pli bonajn vivkondiĉojn.

Dua kialo povas esti la politikstrategio de la registaroj el la okupantaj ŝtatoj aŭ el la imperioj kiuj volas silentigi la popolamasojn per ilia disloĝigado en la okupitajn teritoriojn, kie vivas diversaj etnoj kaj popoloj.

Trie, parto de la loĝantaro fuĝas ekster sia patrio pro persekutado kaj teroro fare de la enlandaj kaj fremdaj regantoj. Kaj tiel plu.

## DIFINOJ PRI MALPLIMULTOJ AŬ MINORITATOJ

Verdire, oni ankoraŭ ne havas precizan difinon de malplimultoj kaj minoritatoj. En la granda vortaro albana-albana, eldonita en la jaro 1985, oni difinas la minoritaton tiel: «nacia malplimulto kiu loĝas en alia lando aŭ ŝtato», do oni ne distingas la nacimalplimulton disde la minoritato. En PIV oni simple egaligas ĝin al la malplimulto.

Dume en la Oksforda Vortaro (*Oxford Advanced Learner's Dictionary of Current English*), oni diras ke «la minoritato estas malgranda rasa, etna, religia, kc, grupo en iu komunumo, nacio ktp.» En kiu kazo oni povas paroli pri malplimulto kaj en kiu kazo pri minoritato? Kiu estas ties ĉefa karakterizaĵo? La nombro? La lingvo? La praeco? La kompakteco de la loĝado? La ekonomia stato? La kultura nivelo? Ekzemple, se oni parolas pri romaoj en Albanio, pro ilia praeco kaj delonga integriĝo en la albanan popolon, oni apenaŭ povas distingi ilin disde la albanaj puraj etnanoj, ĉar ili parolas hejme la albanan kaj aspektas laŭekstere kiel albanoj. Same pri vlahoj aŭ arumanoj kiuj amase geedziĝas al albanoj kaj parolas hejme la albanan. Grekoj, kiuj konsistigas la plej grandan grupon nealbanan (aŭ 3% de la tuta loĝantaro el pli malpli 3,5 milionoj, dum 2% ĉiuj aliaj nealbanaj grupoj), loĝas foje en propraj vilaĝoj sude kaj sudokcidente de la lando, sed ankaŭ dise en ĉiuj distriktoj.



Albanaj popolkostumoj.

## ĜENERALE PRI MINORITATOJ EN ALBANIO

Nur depost la jaro 1990 oni povis libere esprimiĝi pri sia nacieco kaj organiziĝi en asocioj sur etnaj bazoj. Antaŭ 16 jaroj, iu deputito en la albana parlamento proponis leĝon pri nacieco laŭ kiu «la nacieco estas tio kion deklaras libervole ĉiu civitano». Tion kontraŭstaris plejmulto de la deputitoj kiel ne justa, ĉar pro ekonomiaj kialoj pluraj homoj fuĝintaj el Albanio al Grekio, post la jaro 1990, sin deklaris grekaj por pli facile trovi laborpostenon kaj por ke la greka polico ne ĝenu ilin. Multaj el ili tiucele eĉ ŝanĝis siajn islamajn nomojn al grekortodoksaj. La nacieco verŝajne herediĝas de generacio al generacio kaj lingvo sendube estas grava karakterizaĵo por ĝi. Greko ne povas fariĝi aŭtomate albano kaj inverse. En Albanio, laŭ oficialaj statistikoj, oni nombras ĉirkaŭ 100.000 lokajn grekojn (laŭ censo de la jaro 1979 estis 49.307 grekoj el 54.687 nealbanoj entute), alvenintajn en Albanion pli ol ducent jarojn antaŭe, pro ekonomiaj kialoj, kutime kiel terlaboristoj ĉe lokaj bienuloj. La asocio *OMONIA* kreita de enlandaj grekaj etnanoj kaj aliaj grekorientigitaj informiloj plurfoje malagnoskis tiun nombron, asertante ke, fakte, en Albanio vivas almenaŭ duoble pli da grekoj. Sed, se ekzemple oni konsideras la partoprenadon en la ĝeneralaj balotoj, rezultas ke Partio pri Homrajtoj, kiu, supozite, reprezentas grekojn kaj aliajn malplimultojn en Albanio, apenaŭ sukcesas akiri pli ol 2% da voĉoj en la albana parlamento. Estas ĝenerale jam konate ke albanoj konsistigas sian ŝtaton pli malpli homogenece (ĉirkaŭ 95%), kunvivante, ekde jarcentoj, pace kaj kunlabore kun alietnanoj. Oni ne konas, ĝis nun, kazojn de genocido aŭ diskriminaciado fare de la albanaj popolo kaj registaro kontraŭ alietnanoj.

Aliflanke anoj de malplimultoj kaj minoritatoj (grekoj, arumanoj, makedonoj, romaoj, montenegranoj, bosnianoj kaj serboj) ĉiam okupis dignan pozicion en la socio, fariĝis politikistoj, eminentuloj en beletro kaj kulturo, dividis kun la albanoj ĉiajn feliĉaĵojn kaj malfeliĉaĵojn. Ili vere servis kiel amikecpontoj inter albanoj kaj la najbaraj popoloj.

La popolaj danc- kaj kant-grupoj de minoritatoj regule partoprenis la tutlandajn folklorfestivalojn, kiujn ili pliriĉigis per siaj buŝaj kaj koregrafiaj kontribuoj kaj popolkostumoj. Antaŭ nelonge, okazis en Tirano tutlanda infana festivalo de minoritatoj.




Distrikta mapo de Albanio

Estis en ĝi tiom da bunta muziko, danco kaj mesaĝoj por paco kaj amikeco.

Ne nur la simplaj albanaj popolanoj, sed ankaŭ diversaj registaroj, reĝaj, komunismaj aŭ demokrataj, neniam entreprenis malamikan kampanjon kontraŭ minoritatoj. Tio pruviĝis eĉ dum malfacilaj periodoj travivitaj en nia historio.

Ekzemple, post la unua mondmilito, la greka registaro entreprenis perfortan etnopurigadon de iuj teritorioj en Ĉamerio kaj de aliaj regionoj kompakte loĝataj de albanaj etnanoj en Norda Grekio; tiuj areoj estis atribuitaj al la greka ŝtato post la jaro 1913 laŭ decidoj de la Konferenco de Ambasadoroj en Londono. Kelk-dekmiloj da albanoj estis ekzilitaj en Anatolion (Turkio), interŝanĝe kun tieaj grekoj. Voĉoj stariĝis en Albanio por entrepreni reciprokan politikon kontraŭ la grekoj loĝantaj en Albanio, sed la tiamaj registaroj, ekde la jaro 1920, inkluzive tiun de la reĝo *Ahmet Zog* la Unua, rifuzis reagi tiamaniere. Dum la totalisma komunisma reĝimo la regionoj loĝataj de grekoj ĝuis relativan prosperon ekonomian, apogate de la albana ŝtato pro kompreneblaj politikaj celoj. Post la jaro 1990, kiam nova leĝo pri privatigo de la tero estis aprobita, ĉiuj grekaj familioj senpage ricevis teron ĉirkaŭ sia hejmo, jam delonge kultivitan de si mem, kvankam tiu tero longe apartenis al albanaj eksbienuloj. Ni notu, ke tia precedento ankoraŭ ne okazis, en suda Italio kun la albana minoritato loĝanta tie ekde la dekkvina jarcento! Ni esperu ke la minoritatoj pluservu kiel amikecpontoj ankaŭ en Albanio!

## GREKOJ EN ALBANIO
### En la regiono de *Dropuli*

En la regiono de *Dropuli* sude kaj sudokcidente de Albanio, en tri distriktoj plejparte loĝataj de albanoj, *Gjirokastra*, *Saranda* kaj *Delvina*, iuj vilaĝoj estas kompakte loĝataj de grekoj. Se vi vojaĝus en la regiono de *Dropuli*, ekde la urbo *Gjirokastra* al *Kakavije* (landlimpunkto kun Grekio), dekstre, je la orienta parto de la Monto Larĝa kaj de *Stugara*, vi ekvidus vicon da relative grandaj vilaĝoj de grekoj. Tiu regiono dividiĝas en Malsupra *Dropuli* kaj Supra *Dropuli*. La unua, kun centro en la vilaĝo *Jergucat*, ampleksas 16 vilaĝojn (*Jergucat*, *Zervot*, *Bullarat*, *Bodrisht*, *Kërre*, *Vodhimë*, *Pepel*, *Klushas*, *Selo*, *Krioper*, *Drita*, *Sotire*, *Llongo*, *Llorishë*, *Koshovicë*, *Kakorë*), dum la dua, kun centro en *Sofratike*, ampleksas 10 vilaĝojn (*Derviçan*, *Goranxi*, *Peshkëpi*, *Glinë*, *Vllaho-Goranxi*, ktp). El ĉi tiuj vilaĝoj nur tri estas loĝataj de albanoj. La grekdevenaj loĝantoj alvenis tien dum la dekoka jarcento kiel taglaboristoj ĉe la tieaj albanaj grandbienuloj.

Tiu ĉi regiono estis loĝata ekde la pratempo. Laŭ arkeologiaj donitaĵoj, oni opinias ke la vilaĝo *Grapsh* ekzemple, estis loĝata ekde la dua jarcento antaŭ Kristo. Ankoraŭ hodiaŭ oni povas konstati en la






vilaĝo ruinaĵojn kaj spurojn de la mezepoka vojo kiu kondukis al la pasejo de *Muzina* kaj al la marbordo. Apud la vilaĝo *Nepravishte*, oni malkovris teatron de antikva loĝloko nomata Hadrianopolo. La nomo rilatas al la romia imperiestro Adriano kaj estas menciita unuafoje en *Tabula Peutingertiana*. La ĉirkaŭantaj muregoj de tiu teatro, el ŝtonaj blokoj gravuritaj, ekde la kvara kaj tria jarcentoj antaŭ Kristo, estas plifortigitaj per turoj kaj kreneloj. Je la dua jarcento la urbo translokiĝis pli malsupren al la valo de Drino, fariĝante la ĉefcentro de la tuta regiono. Tiam ĝi alinomiĝis Justinianopolo honore al la tiutempa ilirdevena imperiestro Justiniano. Oni same malkovris riĉan nekropolon, teatron, spurojn de loĝejoj kaj templon. La teatro estis konstruita en la kvina jarcento, kun diametro de 60 m kaj alteco de 15 m. La ŝtuparo povis enteni 4.000 spektantojn. La duetaĝa fasado kun tri enirejoj ornamiĝas per kolonoj kaj statuoj el marmoro.

*Dropuli* reprezentas apartan etnografian regionon. Ĉiuj ties vilaĝoj aspektas kiel urbetoj, kun domoj laŭ la arkitekta stilo de la urbo *Gjirokaster*. Oni kutime uzas ŝtonon kiel konstrumaterialon. La viroj antaŭe surmetis fustanelojn[1] kaj nun longajn kalsonegojn. Surkape oni portas nigran falditan ĉapon. La virinoj surmetas tipan veston, kies ĉefa parto estas la *shita* kun longa ĉemizo, apartigita jupo kaj antaŭtuko brodita per oraj fadenoj.

Tradicie grekoj estis terkulturistoj, vitkulturistoj kaj cerealkultivistoj sed multaj el ili, postkleriĝinte en la mezlernejoj kaj universitatoj, fariĝis bonaj ekonomikistoj, librotenistoj, instruistoj, agronomoj ktp. Inter ili ankaŭ estas altrangaj oficialuloj, ministroj, deputitoj kaj partiestroj. Centoj, eble miloj da paroj konsistas el almenaŭ unu grekdevenanto. En mia loĝbloko troviĝas konata grekdevena konstruinĝeniero, *Jani Mako*, edzigita al albanino, kaj la Honora prezidanto de Albana Esperanto-Ligo, s-ro *Vasil Pistoli*, edziĝis al grekdevenantino kaj same faris unu el liaj filoj.

## En meza kaj norda Albanio

Grekoj de Albanio jam aliĝis al sia tutlanda asocio *OMONIA* kaj al Partio (ne bazita sur etneco) pri Homrajtoj, estrata de iu grek-devenanto. Kiel estis pli supre dirita, grekoj troviĝas, unuope aŭ malmulte, ankaŭ en aliaj distriktoj de meza kaj norda Albanio, kie ili estis dungitaj antaŭ aŭ post la jaro 1990. En lokoj dense loĝataj de grekoj troviĝas elementaj kaj mezaj lernejoj kie la instruado ĉefe okazas greklingve. Aktuale, ankaŭ ties instruistoj estas kvalifikitaj en Grekio. Ĉe la universitato de *Gjirokaster* estas aparta fakultato por la greka lingvo kaj oni jam abunde eldonas greklingvajn ĵurnalojn kaj publikaĵojn.

## Migrado eksterlanden

Bedaŭrinde, same kiel okazis ankaŭ al albanoj, plej granda parto de la junularo el tiu minoritato jam fuĝis eksterlanden, ĉefe al najbara Grekio, kie la salajroj kaj la vivkondiĉoj estas sufiĉe pli bonaj ol en Albanio. Tial se vi vizitus vilaĝojn loĝatajn de grekoj, vi renkontus nur maljunulojn, virinojn kaj infanojn. Ĉirkaŭ 15% de la tuta loĝantaro de Albanio estas jam for! Nur ene de la du lastaj jaroj elmigris

ĉirkaŭ 15.000 intelektuloj, kompreneble pro ekonomiaj kialoj.

## ARUMANOJ EN ALBANIO

Laŭ studo de nia samideano el *Pogradec*, s-ro *Gjergji Gusho*, arumanoj en Albanio havas duoblan devenon: parto el ili formiĝis enlande dum alia venas el iu regiono de Rumanio.

## Unua grupo: laŭ *Via Egnatia*

La unua parto rilatas al la fama ĉefvojo romia *Via Egnatia* trapasinta la albanan teritorion de okcidento al oriento. Ĉe ĝiaj strategiaj punktoj oni establis romiajn gardistarojn por defendi la vojon kiu estis ja tre grava por kontrolado de la profundaj regionoj en la Imperio de la Balkana Duoninsulo. *Via Egnatia* disdividiĝis en kelkaj flankaj branĉoj, kiuj ebligis komunikadon kun la profundaj areoj de tiu vasta regiono kia estis Balkanio kaj la Imperio ĝenerale. En tiuj vojrandoj oni establis ne nur gardistarojn sed ankaŭ koloniantojn el romia deveno. Ankaŭ parto de la loka loĝantaro ekkonsistigis la homan komunumon de tiuj novaj loĝlokoj. Tiu lasta, sekve, romiiĝis je lingva aspekto.

Ĝis antaŭ la invado otomana de Albanio, oni opinias ke ekzistis pli da tiaj loĝlokoj, transformiĝintaj en vilaĝojn kie estis parolata la arumana. Post kiam Albanio estis okupita de turkoj, parto de tiuj loĝlokoj, aparte en malaltaj aŭ kamparaj areoj, probable "albaniĝis" kaj, per islamigo de la loĝantaro, perdis sian unuan lingvon, la arumanan. Nur en la profundaj montaraj vilaĝoj tio ne okazis kaj tiuj loĝlokoj sukcesis eskapi al la turka jugo konservante la kristanan eklezion kaj la arumanan lingvon. Tie, en la distrikto de *Pogradec*, en la regiono de *Mokra*, pasis iam branĉo de *Via Egnatia*, komenciĝinta de *Mokra*, malsupre je la limo kun la distrikto de *Librazhd*. La spuroj de tiu vojo vidiĝas jam en la vilaĝo *Golik*. Poste la vojo supreniras sekvante la bordojn de la rivero *Shkumbin*. Apud la vilaĝo *Golik*, ĉe la rivero, troviĝas la postrestaĵoj de kelkaj malnovaj pontoj per kiuj oni trapasis la riveron. La vojo preterpasas la vilaĝojn *Vërri*, *Proptisht*, *Slabinjë*, eliras apud la vilaĝo *Shpellë*, kie oni trovis fragmenton de pravojo, pavimita per grandaj ŝtonoj, poste ĝi direktiĝas al la vilaĝo *Llëngë*, apud kiu troviĝas malnova ponto, ĝi trapasas la vilaĝon *Niçë* kaj poste irigas vin al *Voskopojë*. La vilaĝoj *Llëngë* ka j *Niçë* loĝatas de




Karakteriza domo en la urbo de *Shkoder*.




*Via Egnatia*



*Berat.*

La lernejoj jam malfermitaj en tiuj vilaĝoj ĉiam disvolvis la lecionojn en la albana lingvo, ĉar ne ekzistis skriba arumana lingvo. Nur en la urbo *Korçë* dum la jaroj 20 kaj 30 de la dudeka jarcento estis malfermita lernejo por la arumanaj familioj kie oni disvolvis la lecionojn en la arumana, subvenciate de la rumana ŝtato kiu ĉiam montris intereson por la arumana malplimulto en Albanio (kaj ne nur).

Tia intereso kreskis aparte post la jaro 1990, ebligante al pluraj junaj arumanaj devenantoj akiri stipendion por plustudi en Rumanio. La arumana loĝantaro, kiu loĝis apud la ekonomie evoluintaj urboj kaj loĝlokoj, estis ĉiam interesata pri la plialtiĝo de sia nivelo kultura kaj klera, tial ĝi sekvis ĉiam la altlernejojn kaj universitaton neniam sentante ian diskriminaciecon aŭ persekutecon fare de la albana loĝantaro, nek dum la totalisma reĝimo, nek dum la reĝtempa periodo, des malpli hodiaŭ en la plurpartia periodo. Multaj estas tiuj el la arumana loĝantaro kiuj poste okupis altajn postenojn en la registaro centra aŭ loka kaj fariĝis eminentuloj en aferismo.

arumanoj. Grabovo apartenas al distrikto de *Librazhd*.

La ekzisto de arumanaj vilaĝoj estas plia atestaĵo pri tiu *Via Egnatia* en tiu areo. La loĝantoj de tiuj ĉi vilaĝoj historie havis stretajn rilatojn kun la loĝantoj de *Voskopojë*, kies parto de la loĝantaro estis ja arumana. Ankaŭ postrestis, ĝis nuntempo, kelkaj loknomoj latindevenaj.

Loĝlokoj kiel *Voskopojë*, *Niçë*, *Llëngë*, troviĝantaj en la profundaj areoj kaj eskapintaj la premon de la turka okupado, dum la deksepa kaj dekoka jarcentoj konis grandan disvolviĝon ekonomian kaj kulturan. Kune kun la tiutempaj grandaj loĝataj centroj kiel *Berat*, *Elbasan*, *Shkodër*, ankaŭ *Voskopojë* ege prosperis atingante dum la dekoka jarcento 25.000 loĝantojn. Tiutempe, *Voskopojë* havis 26 preĝejojn, presejon kaj altlernejon, aŭ tiel nomitan Akademion de *Voskopojë*. Tiu urbo estis la dua, laŭvice, pro sia graveco en la Otomana imperio, tuj post Istanbulo. Ankaŭ *Llëngë* tiutempe konis grandan ekonomian prosperon danke al la butikoj, laborejoj, metiistoj kaj multnombraj komercistoj kaj loĝantaro je 10 miloj da homoj. Sed la detruo de *Voskopojë* en 1769 pro amasa incendio influis ankaŭ la ekonomion de *Llëngë*, kiun trafis notinda falo. Parto de tiu loĝantaro foriris al aliaj landoj.

La vilaĝoj *Llëngë*, *Niçë* kaj Grabovo estigis geedziĝrilatojn inter si, tiel la arumana postrestis ĝis hodiaŭ en tiuj vilaĝoj, sed nun ĝi estas parolata de malmultenombra loĝantaro. Parto el familioj descendis en Pogradeco-n kaj en aliajn urbojn integriĝante en ilian vivon, sed geedziĝante kun albanaj familioj, perdante tiamaniere, de generacio al generacio, sian arumanan lingvon, aparte la nova generacio, kiu jam naskiĝis, kreskis kaj sekvis la albanlingvajn lernejojn.



**Preĝejo en *Korçë*.**

### Dua grupo: vlahoj

La alia grupo arumana ne havas rilatojn kun la unua grupo, kaj ĝiaj loĝantoj estas nomitaj vlahoj. Ili plu sin okupas per bestbredado kaj plu moviĝas de loko al loko. Oni opinias ke ili venas el iu regiono en Rumanio, nome Vlahio. Ekde la tempo de la Otomana Imperio, vlahoj vagadis tra tuta Balkanio kune kun siaj ŝafaroj, paŝtante dum somero en la profundaj montaraj areoj kaj dum vintro en malaltaj areoj ĉe la marbordo, kie la klimato estas pli milda. Vlahoj neniam posedis iun difinan loĝlokon, sed loĝis en kabanoj provizoraj. Parto de tiu loĝantaro,

restinta ekde la tempo de la Otomana imperio, troviĝas hodiaŭ en Grekio, dum alia parto restis en Albanio.
Ambaŭ grupojn interligas nur simileco sed ne sameco de lingvo.
Post la jaroj 60, tiu parto de loĝantaro establiĝis finfine en apartaj vilaĝoj - ĉar en la tuta lando agrikulturo kolektiviĝis - aŭ en urboj okupante sin per diversaj ekonomiaj laboroj.




En la distrikto de *Korçë* ili establiĝis en la vilaĝoj, Drenovo kaj Boboŝtico, ĉar granda parto de la loĝantaro en tiuj vilaĝoj jam foriris al la urbo. Sed plej granda parto de la vlahoj enloĝiĝis en la regiono de *Myzeqe*.
Ankaŭ vlahoj tuttempe ĝuadis egalrajtojn samkiel albanoj. Ili rajtis voĉdoni, edukiĝi en la albana lingvo, aparte post kiam ili definitive establiĝis en siaj rezidejoj. Hodiaŭ ankaŭ vlahoj jam integriĝis komplete en la socian vivon de la lando, ne sentante ian ajn diskriminaciecon kaj tutegalaj kiel ĉiuj aliaj civitanoj de Albanio.

## MAKEDONA MINORITATO
### Areo de Prespo

(laŭ s-ro Dr. *Ilinden Spasse*, el makedondeveno, kies patro, la forpasinta *Sterjo Spasse*, estas unu el la plej grandaj albanaj verkistoj).
La lago de Malgranda Prespo situas sudoriente de Albanio, inter tri landlimoj: tiu de la eksrespubliko jugoslava de Makedonio, tiu de Grekio kaj tiu de Albanio. Ĝi estas ĉirkaŭata de altaj montoj, kiel tiu de Galiĉico, Seka Monto kaj Monto de Ivano. Alfronte, ĉe la makedonŝtata parto, malantaŭ la lago, troviĝas la alta monto *Pelister*. La Lago de Prespo, per siaj krutaj bordoj, golfetoj, duoninsuletoj, insuletoj kaj kampetoj, montetoj, montoj plenaj de arbaroj, provizas tiun areon per rara beleco. En tiu areo situas 9 vilaĝoj: *Beznîŝt* (*Tuminec*), *Gorica e Madhe* (*Gorna Gorica*), kiuj estas ĉe la landlimo kun Makedonio, kaj pli profunde situas *Gorica e Vogel* (*Dolna Gorica*), *Glomboĉi* (*Globiĉeni*), *Diellasi* (*Shulini*), *Liqenasi* (*Pusteci*), *Lajthiza* (*Leska*), *Zaroŝka* (*Zernosko*), kaj ĉe la greka landlimo la vilaĝo *Cerje*, kiu fermas tiun areon. La plejmulto de tiuj vilaĝoj kuŝas sudokcidente de la lago, ĉe ties bordo. En tiuj ĉi vilaĝoj loĝas ĉirkaŭ 5.000 homoj respektante kristanan kredon kaj parolante la makedonan kiel denaskan lingvon.
Pri Malgranda Prespo, ĝis nun, laŭ mia scio, oni verkis du monografiojn: la unua “La Malgranda Prespo” estis verkita de beletristo el tiu areo, *Sterjo Spasse*, en la jaro 1932, dum la dua, “Prespo sub Albanio”, de makedona beletristo *Stojan Ristevski*, estis eldonita en Makedonio en la jaro 1993. En tagaj kaj periodaj ĵurnaloj kaj gazetoj de Albanio same kiel en Makedonio, oni jam skribis multe pri tiu areo. Eĉ dokumentajn kaj televiziajn filmojn oni produktis. Kaj en beletro oni ĉerpis temojn el tiu areo. En la jaroj 1992 kaj 1995 estis publikigitaj en Makedonio kolekto de “Popolaj makedonaj kanzonoj el Malgranda Prespo”, kantataj de *Nikolina Spasse* kaj kolektitaj de *Sterjo Spasse*.
En tiuj ĉi libroj kaj gazetoj oni menciis nenion pri la praa historio de tiu loĝloko. Mi pensas ke ĝi rilatas kun la praa historio de tuta Balkanio. En tiu areo troviĝas multaj preĝejoj, ne nur plej novaj, po unu aŭ po du en ĉiu vilaĝo nun, sed ankaŭ preĝejoj konstruitaj en grotoj kaj ŝtonegoj de *Beznîŝt*, *Glomboĉ* kaj *Zaroŝka*; tia preĝejo troviĝas ankaŭ en la kavernoj de Malgranda Insulo (*Mali Grad*) en Pusteco. Tiuj ermitaj preĝejoj el la 12-a ĝis 14-a jarcentoj, tre raraj en Balkanio pro arkitekturo kaj beleco, estas konservataj de la ŝtato. Ilin jam studis la rusa sciencisto *Milokov*, la bulgara *Ivanov* kaj la jugoslava *Markoviĉ*; ankaŭ la albanaj esploristoj *Theofan Popa* kaj *Dhorka Dhamo* malkovris la nediskuteblajn arkitekturajn valorojn de tiuj preĝejoj, same kiel la artajn valorojn de la ikonoj troviĝantaj


**Lago Prespo el *Liqenasi***

en ili. Ĝis la jaro 1914, tiu areo estis sub greka jurisdikcio, kaj post tiu dato inkluzivita en la albanan teritorion.
Laŭ la historio, ĝis la jaro 1950, la vilaĝoj de tiu areo kun mirinda naturo ĉiam aspektis kvazaŭ ili plenplenus de fungoj ĝermintaj el la tero. Ĉar tiuj suretaĝaj domoj, sen plafono, kovritaj de pajlo, estis konstruitaj per arbetmuro. La surtavoloj estis pajlomato dum, por lumiĝo, oni uzis kandelon. La homoj tranoktis kune kun la brutaro. La vilaĝanoj sin okupis per terkulturado, bestbredado, fiŝkaptado, karboproduktado kaj komerco po malgrande. Kvankam tre malriĉaj, ili neniam rezignis je siaj kanzonoj, moroj, kutimoj kaj religiaj ritoj. Tiuj praktikoj ja estis ia fortofonto por supervivi. Ĝis la jaro 1944 makedonoj de tiu areo havis nur unu elementan lernejon alban-lingvan, kie deĵoris instruistoj el *Korĉa*. Tial ĉirkaŭ 99% de la loĝantoj estis analfabetoj. Granda parto de la junuloj migris al eksterlando.
Nova vivo en tiu areo komenciĝis nur post la Liberiĝo, aparte post la Agrara kaj Eduka Reformoj kiuj estiĝis en la jaroj 1946 kaj poste. La vilaĝanoj ricevis sian teron kaj kune kun la ĝenerala evoluo de Albanio, komenciĝis evoluiĝi ankaŭ tiu areo: anstataŭ la kandeloj kaj lanternoj eniris la elektra lumo, anstataŭ la suretaĝaj kotaj domoj, oni ekkonstruis vilaojn duetaĝajn per ŝtonoj kaj brikoj; ŝanĝiĝis ankaŭ la vivmaniero, la dormado, manĝado, la brutaro nun ne plu estas en domoj ktp. La kortoj plibeliĝis per multaj floroj, vitarboj kaj fruktarboj. En naŭ vilaĝoj oni malfermis elementajn lernejojn makedonlingvajn, du sep- kaj okjarajn lernejojn, kaj unu mezlernejon albanlingvan. Oni starigis sanigcentrojn, grandan hospitalon, kulturdomon, kc. La artaj ensembloj de tiu areo aparte distingiĝis pro siaj belaj dancoj ankaŭ en la tutnaciaj festivaloj.
Plejmulto de la abiturientoj poste sekvis altlernejojn en Albanio, fariĝante kapablaj kadroj en la postenoj kaj deĵoroj komisiitaj al ili. Multaj el ili revenis en siajn vilaĝojn kiel instruistoj, agronomoj, kuracistoj, ekonomiistoj ka. La instruistoj de tiu areo, entute pli ol 40 nun, estas same kvalifikitaj kiel albanoj. Multaj aliaj gejunuloj trovis laboron en aliaj partoj de la lando, kiel en *Korĉa*, *Pogradec*, *Librazhd*, *Elbasan*, Tirano, *Berat*, ka, kie ili jam fondis siajn familiojn geedziĝante kun albanaj gejunuloj. Do, krom bonegaj interrilatoj kun la albana loĝantaro, ili eĉ geedziĝis kun albanoj mem.

Sed tiu areo vivis same kiel la cetera loĝantaro de Albanio ĝis la jaro 1990. Kiel fermita lando, notinde mankis al ĝi komunikado kun la gekuzoj trans la landlimo, kaj ĝi bedaŭris la detruadon de preĝejoj kaj la malpermeson sekvi ritojn kaj religiajn kutimojn kiuj ja bremsis sufiĉe forte la evoluimpeton vekitan



La mezepoka bazaro en la urbo de *Kruja*, norde de *Tirana* (la aŭtoro maldekstre).

tuj post la Liberiĝo. Je la falo de la diktaturo kaj je la venko de la demokratia sistemo, post la jaro 1990, ankaŭ por la loĝantoj de tiu areo estiĝis ebleco komunikiĝi kun siaj proksimuloj trans la limon kun Makedonio. Tamen, pluraj junuloj geedziĝis tie.
Post kiam oni denove povis praktiki religion, tiuj preĝejoj detruitaj en la jaro 1967, estis riparitaj kaj pliaj novaj preĝejoj konstruitaj. Nun la vilaĝanoj tutlibere frekventas siajn preĝejojn kaj ekzercas religiaĵojn. Ili havas sian pastron, samvilaĝan. Oni ankaŭ lernas makedonlingve en la okjara kaj en la meza lernejo. Politika societo *Druŝtvo-Prespa* kun branĉoj en *Korçë*, *Pogradec*, Tirano, *Berat*, kc estis fondita. Tiu societo eldonas propran gazeton sub la titolo *Prespa*. Entute tiu areo nun konas rapidan kaj ĉiuflankan evoluiĝon.
Multaj junuloj el tiu areo jam laboras en Makedonio kaj en Grekio. Granda parto el ili okupas sin per komerco. La interrilatoj kun la albana popolo kaj kun iliaj makedonaj fratoj estas bonegaj. Sed oni devas ĉiam prikonsideri ke la loĝantoj de tiu areo, simile kiel la tuta albana popolo, sentis prosperiĝon kaj malfeliĉon.
Neniam tiun areon oni prikonsideris malbone ĉar loĝata de minoritatanoj. Mi kredas ke kun plua evoluo de demokratiaj procezoj, verda lumo estos ŝaltita por enlandaj makedonoj same kiel por tuta Albanio.

## ROMAOJ EN LA ĈEFURBO DE ALBANIO

(Ĉerpita el ĵurnalo "*Shekulli*" aprilo 2000).

Laŭ studo de iu anglo, antaŭ la Dua Mondmilito, romaoj en albanaj teritorioj (Albanio, Kosovo, Makedonio, Montenegro) konsistis el 80.000 - 100.000 homoj. Hodiaŭ en Albanio ili estas organizitaj en tri asocioj:

1. *Amaro Drom* (Nia Vojo), gvidata de *Skender Velia*.
2. *Romani Baht* (Romaa ŝanco), gvidata de *Pellumb Furtuna.*
3. *Amaro Devis*, plej granda kaj plej malnova, gvidata de *Gurali Mejdani*.

Romaoj establiĝis antaŭ dudekjaroj en *Llakatund*, *Novoselë*, *Plug*, *Grabian*, *Allias* kaj *Selite* kie oni enloĝigis ilin en apartamentojn, sed ili forvendis la domojn kaj deponis la gajnitan monon en la tiel nomitajn "fifamajn piramidojn" kiuj detruis la ŝtaton en la jaro 1997.

En Tirano ili loĝas en jenaj kvartaloj: *Allias*, *Breglum*, *Laprake*, *Selite*, *Yzberish*, *Kamez*. Entute estas 2.708 romaoj el kiuj 1.346 maskloj kaj 1.362 inoj. La aĝogrupoj estas:

- ĝis 10 jaroj - 729, - de 10-20 jaroj - 630, - de 20-30 jaroj - 542, - de 30-40 jaroj - 417, - de 40-50 jaroj - 179 , - de 50-60 jaroj - 116, - pli ol 60 jaraj - 106 romaoj.

Do, la averaĝa aĝo estas malpli ol 21 jara. La vivodaŭro atingas 60 jarojn (kompare kun 75 jarojn en la tuta lando), pli ol 80% estas analfabetoj, 66% finis nur la elementan lernejon, 12% la okjaran lernejon, 1% la mezlernejon kaj nur unu aŭ 0,02% finstudis en universitato de Tirano.

### Kion postulas romaoj?

Laŭ iu enketilo, 30% el ili postulas enlaboriĝon, 60% enloĝiĝon kaj 4% klerigadon. La romaoj deziras ekhavi sian propran radiostacion kiel tio okazis en Ĉehio, Pollando, Rumanio kaj Makedonio. Ili ne sentas sin diskriminaciataj kaj ekvolas kontribui en la purigado de urbo kiel antaŭe (nun tion entreprenis du fremdaj firmaoj kiuj postulas 12$ por ĉiu kvadrata metro). Ili postulas eĉ simplajn dometojn, kiujn jam konstruis la eksterlandanoj kadre de la krizo en Kosovo. Ili pretas mem perlabori sian panon.

### ALIAJ MALPLIMULTOJ

En Albanio ankaŭ loĝas bosnianoj (en iuj grandaj vilaĝoj apud la ĉefurbo kaj aliloke); montenegranoj en vilaĝoj kiel *Vraka* apud la norda urbego *Shkoder*, kiujn oni foje nomas podgoriĉanoj. Ili havas aktuale du asocietojn en *Shkoder* (*Moraĉa* kaj iu alia); serboj en la nordorienta parto de la lando, en la regiono de *Shishtavec*, distrikto de *Kukes*, sudoriente de la monto de *Gjalica* (la vilaĝoj *Shishtavec*, *Novosej*, *Shtreze* konsistantaj el ĉirkaŭ 5.000 homoj, inter ili ankaŭ albanoj, kiel en *Novosej*), kiuj parolas la albanan kaj estas islamigitaj kaj nomataj goranoj.

Entute ĉiuj naciaj malplimultoj, krom grekoj, konsistigas ĉirkaŭ 2% de la tuta loĝantaro, aŭ ĉirkaŭ 70.000 loĝantoj. Oni parolas ankaŭ pri tiel nomataj egiptoj, pri kiuj la albanlingva esperantisto el *Ohrid*, s-ro *Husni Zemovski*, iam skribis ke ili estas grand-nombraj en la albanaj teritorioj. Sed ĉiuj tiuj popolanoj hejme parolas albane kaj ili jam tute integriĝis en la albanan popolon. Romaoj kaj egiptoj sin sentas sufiĉe sekuraj en Albanio, ĉar neniam okazis ia pogromo aŭ perfortaĵo kontraŭ ili fare de albanoj. La francia samideano *Marcel Cortiade*, kiu ankaŭ multjare loĝis en Tirano, studis la kulturon de la romaoj kaj verkis librojn pri ili. Li asertis ke estus pli oportune starigi studcentron pri romaoj en Albanio, ĉar tie ĝi estus pli sekura ol en Rumanio kie oni kelkfoje atencis ĝin. *Marcel Cortiade* same verkis prelegon traktantan ĝenerale pri la karakterizaĵoj de nacio kaj etneco, laŭ kiu la lingvo estas la plej grava kriterio.



Moskeo en *Shkodra*

### KONKLUDO

En la erao de demokratiiĝo oni povas pli libere kaj facile protekti la homrajtojn ĝenerale kaj la etnajn rajtojn aparte. Tiucele, ankaŭ ĉe ni, stariĝis asocioj kaj fondusoj apoge al la malplimultoj. Ili helpos al pli profunda konatiĝo de la stato kaj pliboniĝo de la vivkondiĉoj de aliaj nealbanaj etnanoj en la lando. Kompreneble, tion ili povas sukcese realigi nur se oni ignoras la malican intervenon de iuj ŝovinismaj cirkloj en la najbaraj landoj, kaj nur se la albana ŝtato mem, per siaj leĝoj kaj konduto, helpos al paca kaj amikeca kunvivado de ĉiuj siaj civitanoj. *BS*

**Notoj:**

[1]Survesto, kiu similas faldozan jupon, nemalofta en balkanaj kostumoj, ndr.

**Literaturo:** 1.Albana Enciklopedio 2. Granda Albana Vortaro 3. Historio de Albanio 4. Plena Ilustrita Vortaro 5. Studoj de s-roj *Gjergji Gusho* kaj *Ilinden Spasse* 6. La ĵurnalo *Shekulli*.

## Prelego de Marc Van Oostendorp

# NEDERLANDAJ LINGVOJ

**IKEL kutimas organizi en ĉiu Universala Kongreso de Esperanto fakan prelegon pri la minoritataj lingvoj kaj popoloj de la gastiganta lando. Jam en la lasta numero ni enkondukis la temon de la minoritataj lingvoj en Nederlando pere de traduko el *Eurolang*. Kaj ni anoncis prelegon de Pr-ro *Marc Van Oostendorp*, instruanta en la Instituto *Meertens* en Amsterdamo kaj en la universitato de *Leiden*. Kiel anoncite, tiu prelego okazis kadre de la kunvenoj pri la Kongresa temo "Lingvoj: trezoro de la homaro". Ni provos redoni la esencon de la prelego el la vidprezento, kiu akompanis la prelegon, kaj kiu nun troviĝas sur la reto, kun kompletigaj informoj.**

Kiam oni parolas pri minoritataj lingvoj en Nederlando, oni unue pensas pri la Frisa, la unua minoritata lingvo rekonita. La preleganto komencas per la konstato, ke intelektuloj en Nederlando pli malpli ironie traktas tiun lingvon ĉar ili konsideras, ke ĝi estas nura dialekto de la nederlanda. Li donas la ekzemplon de fakulo pri molekula biologio, d-ro *Ronald Plasterk*, kiu esprimiĝis tiel dum televida elsendo en junio 2000: «Kial ĉiuj en Holando kredas, ke la frisa estas aparta lingvo, dum estas pli da parolantoj de la turka en Amsterdamo ol parolantoj de la frisa en *Leeuwarden*? Ĉu tio estas kaŝa rasismo? (....) Mi neniel kontraŭas la frisan, sed ĉiuj komprenu ke tiu linvo estas fabelo». Sep jarojn poste, kiam li estis nomumita Ministro pri Instruado, pri Kulturo kaj pri Scienco, li tamen ŝanĝis sian esprimmanieron: «Mia koro varme batas por la frisa, kaj kiel ministro mi prizorgas ĝiajn interesojn. La fakto ke mi penas alparoli vin ĉi tie en




la frisa evidentigu tion.» Por pritrakti la temon de la lingvoj en Nederlando necesas konsideri la kvar sekvajn punktojn:

- La leĝan kadron.
- La Eŭropan Ĉarton.
- La Lingvan Union.
- Kelkajn nerekonitajn lingvojn.

### LA LEĜA KADRO

Kvar lingvoj estas konsiderataj oficialaj en Nederlando: la Nederlanda, la frisa, Papiamento (Nederlandaj Antiloj) kaj la angla, parolata en la insulo *Sint Maarten* je la Nederlandaj Antiloj. La preleganto elektis trakti nur la du unuajn, parolatajn en la eŭropa parto de la Reĝolando.




### LA EŬROPA ĈARTO

Ĝi estas traktato pri regionaj aŭ minoritataj lingvoj proponita de la Konsilio de Eŭropo[1], kiu celas protekti la "indiĝenajn" lingvojn de Eŭropo. La nederlanda registaro subskribis ĝin en 1992 (en la unua grupo de subskribantoj); la parlamento ĝin ratifis en 1996. La unua ideo estis, ke ĝi enkadru la aktivaĵojn por la frisa. Tamen jam antaŭ 1996 premgrupo de lokaj politikistoj sukcesis enigi ankaŭ la nedersaksan lingvon. Tiu grupo de dialektoj estas tre similaj al "Plattdeutsch", kiu estis rekonita de la germana registaro kadre de la Ĉarto. Post kelkaj jaroj alia premgrupo enigis ankaŭ la limburgan. Tamen, la rekono por la nedersaksa kaj la limburga estas je iom alia nivelo ol tiu por la frisa: dum por la lasta lingvo la ŝtata registaro devigis sin pagi por i.a. frislingvaj edukado je ĉiuj niveloj kaj televid- kaj radi-elsendoj, la rekono de la limburga kaj nedersaksa estis nura simboleca gesto. Tio aplikiĝas ankaŭ al la jida kaj romaa lingvoj, kiuj estas rekonitaj kiel "neregionaj minoritataj lingvoj".

### LA LINGVA UNIO

La Nederlanda Lingva Unio (*Nederlandse Taalunie*) estas internacia instituto, kiu fondiĝis en la jaro 1980 inter Belgio kaj Nederlando. Ĝia ĉefa celo estas zorgi pri la unueco de la nederlanda lingvo parolata en la

du landoj (kelkfoje neoficiale sub la nomo -flandra- en Belgio). Ĝi konsilas la registarojn de la diversaj




landaj kaj regionaj membroj. Ekde 2005 Surinamo estas asocia membro de la Unio. En 1995 tiu Unio sukcesis enkonduki modifon de la nederlanda ortografio kaj eldoni komunan vortliston de la nederlanda lingvo, nomita, pro ĝia koloro, La Verda Libreto. Same kiel en Nederlando limburgaj dialektoj[2] estas ankaŭ parolataj en Belgio. La belga registaro neniam signis la Eŭropan Ĉarton, do ĝi ankaŭ ne povas rekoni lingvojn laŭ tiu traktato. Tamen la belgaj limburgaj magistratoj provis esplori ĉu eblus iu rekono. Kiam la belga provinco Limburgo kontaktis la Lingvan Union, ties Ĝenerala Sekretario estis *Koen Jaspaert*, konata flandra socilingvisto. Tiu respondis negative: Belgio ne rekonu la limburgan, kaj eĉ Nederlando ne devus esti rekoninta la nerdersaksan aŭ la limburgan. Kelkaj el liaj argumentoj estis: tio malfortigus la pozicion de la nederlanda, kaj krome rekonado de kelkaj minoritataj lingvoj malfleksigus tiujn, kaj metus aliajn, eĉ pli grandaj, en malavantaĝa situacio. Post tiu letero de la Ĝenerala Sekretario, la nederlanda registaro decidis, ke oni ĉiam konsultu la Nederlandan Lingvan Union je novaj petoj pri rekono, en la estonteco. Sufiĉe rapide post tio venis tia peto pri rekono de la zelanda fare de la provinca magistrato de Zelando (situata sudoriente de Nederlando). La nederlanda registaro petis do konsilon de la Nederlanda Lingva Unio; tiu estis negativa, malgraŭ la fakto ke malfacilas distingi inter la situacio en Zelando kaj tiu en la nedersaksaj provincoj. Malgraŭ tion la registaro decidis negative respondi al la zelanda peto.

## KELKAJ NEREKONATAJ LINGVOJ

Krom la zelanda lingvo, la gesta lingvo de la surduloj ne estas rekonita. Depost 1980 la Nederlanda gesto-lingvo (NGL) estas instruata en surdulaj lermejoj; ĝia vortaro estas normigita, kaj oni uzas ĝin en la televido. En 1997 oficiala komisiono (Komisiono *Baker*) petis la rekonon de la NGL sed la registaro ankoraŭ ne oficiale reagis al tiu peto. Laŭdire rekono laŭ la Eŭropa Ĉarto ne eblus, ĉar tiu ĉarto validas nur por "parolataj" lingvoj.

La plej grandaj grupoj da enmigrintoj depost la dua duono de la 20-a jarcento estas turkoj kaj marokanoj (en tiu lasta grupo, ĉefe berberoj). Tamen iliaj lingvoj ne estas rekonitaj; Anstataŭ tio oni deprenis kelkajn rajtojn de tiuj minoritatoj en la lastaj jaroj, ĉefe ĉar oni deziras ilian "integriĝon" en la nederlandan societon. Antaŭ 2004 la ŝtato subvenciis "Edukadon en ne-indiĝenaj vivantaj lingvoj" (*Ondervijs in allochtone levende talen*), sed tio haltiĝis je la 1-a de aŭgusto 2004. Ekzistas grandaj diferencoj inter la du grupoj: la turkaro estas kulture pli kohera kaj prezervas sian lingvon dum berberoj instaliĝintaj en Nederlando ofte forlasas sian.

La angla estas oficiala lingvo de la insulero *Sint Marten*. En Nederlando ĝi havas relative malgrandan kvanton da denaskaj parolantoj. Tamen la kvanto de nedenaskuloj estas la plej granda en la mondo laŭ kelkaj mezuroj. La angla lingvo estas intruata ekde la elementa lernejo, kaj oni nun ankaŭ pledas por ĝia enkonduko en etullernejoj.




## KONKLUDE

Nederlando estis relative frua agnoskanto de rajtoj pri indiĝenaj (regionaj) lingvoj, specife de la frisa kaj unu el la plej fruaj subtenantoj de la Eŭropa Ĉarto. Tamen la politiko koncerne aliajn regionajn lingvojn en la lastaj 15 jaroj estas ne tre kohera. Krom tio la politiko pri minoritataj lingvoj, kiuj ne estas regione specifaj estas vere stranga: la ununuraj lingvoj, kiuj estas rekonitaj (la jida kaj romaa) estas apenaŭ parolataj. La lingva komunumo, kiu eble plej multe bezonus rekonon -la Surduloj- ĝis nun ne akiris ĝin.

**Notoj:**

[1] **Vidu:** "Ĉu la nuna Eŭropa politiko favoras etnajn minoritatojn?" -*Alain Favre*. ***Etnimo*** 74 p. 7- 8.

[2] **Limburgaj dialektoj:** variaĵoj de la limburga lingvo, ne normigita ĝermana lingvo el franka origino, parolata en Limburgo, ambaŭflanke de la landlimo, inter Nederlando kaj Belgio kaj en Germanio.

Kompilis *NM*, reviziis la preleganto.

*Uwe Joachim Moritz*

# *Sindeterminado de la popoloj kaj la internacia juro:* la kazo de Kosovo

Ĵaŭdon, la 24-an de julio 2008, kadre de la 93-a Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo (Nederlando), IKEL havis sian duan fakkunvenon, kies pli ol 40 partoprenantoj vigle diskutis pri la evoluo en Kosovo, akirinta sian sendependecon la 17-an de februaro ĉi-jara. Enkonduke, *Uwe Joachim Moritz* skizis la certasencan sinkontraŭdiron de du gravaj principoj en internaciaj rilatoj:

***sindeterminado*** kaj ***teritoria integreco***.

- La rajto pri **sindeterminado** estas fiksita en la artikoloj 1-a kaj 55-a de la Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj enkondukita en 1945, en la Internacian Pakton pri Civitanaj kaj Politikaj Rajtoj kaj en la Internacian Pakton pri Ekonomiaj, Sociaj kaj Kulturaj Rajtoj, ambaŭ subskribitaj en 1966, kaj ekvalidintaj en 1976. En tiu ĉi kaj similaj dokumentoj, la jura subjekto estas - sen diferencigo - la nacioj aŭ popoloj, ne la etnoj aŭ aliaj sociaj grupoj.

- Simile kiel en 1938 la reprezentantoj de kvar ŝtatoj (la faŝismaj Germanio kaj Italio, kaj Francio kaj Grandbritio) decidis en Munkeno pri la sorto de Ĉeĥoslovakio, tiel la sekurec-konsilio de Unuiĝintaj Nacioj, per la rezolucio 1.244 de la 10-a de junio 1999, decidis pri la estonteco de Kosovo en la senco de - almenaŭ formala - respekto de *teritoria integreco* de Jugoslavio. En 1938 nek la registaro de Ĉeĥoslovakio nek la civitanoj povis (kun)-decidi pri sia estonto, kaj en 1999 nek la provizora registaro nek la enloĝantoj de Kosovo havis voĉon en la sekurec-konsilio.

La ĉeestantoj al la fakkunsido de **IKEL** povis flugece rekonsciigi sin pri la geografio kaj historio de Balkanio kaj precipe eksa Jugoslavio kaj nuna Kosovo per materialoj disdonitaj komence de la kunsido (maposkizoj, kronologieto, laŭetna statistiko kaj **IKEL**-rezolucio el 1989).

La enkondukanto voĉlegis la ĉi-sekvajn ***TEZOJN***, kiuj ankaŭ troveblis en la distribuitaj materialoj:

## PRINCIPOJ

1. Ĉiu homo havas la naturan rajton emancipiĝi, t.e. memstariĝi, liberiĝi el kuratoreco gepatra aŭ alia, determini sian propran vivovojon.
2. Konsekvence, ĉiu homo povas formi apartan soci(et)on kun aliaj samrajtuloj, sendepende de la motivoj, kiuj povas esti etnaj, religiaj, ekonomiaj, ĝenerale politikaj k. s.
3. Ĉiu tia soci(et)o rajtas demokratie regi sin mem, do, ankaŭ apartiĝi el (pli ampleksa) socio.
4. Same kiel neniu individuo rajtas subpremi alian individuon, ankaŭ neniu emancipiĝinta socia grupo rajtas malebligi al alia grupo plene praktiki la supre menciitajn rajtojn.
5. Se kaj dum ekzistas la rajto pri proprieto, ĉiu individuo kaj ĉiu socio konservas sian proprietaĵon ankaŭ kaze de formado de, aŭ aliĝo al, alia socio.
6. Ĉiu socio rajtas ĝui integrecon de sia teritorio, tio signifas ke neniu individuo kaj neniu alia socio rajtas perforte aneksi aŭ dividi tiun teritorion.
7. Ĉiaj teritoriaj modifoj eblas kondiĉe ke ili okazas laŭ libera decido de la rektaj koncernatoj.

## PRAKTIKAJ EKZEMPLOJ

Tra la historio de la homoj okazadis apartiĝoj kaj kuniĝoj de homgrupoj:

1. La plej multaj kolonioj en Afriko, Ameriko kaj Azio sendependiĝis.
2. La otomana, aŭstria kaj rusa imperioj disfalis, kaj (re)ekestis aro da novaj ŝtatoj: Albanio, Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Estonio, Hungario, Latvio, Litovio, Pollando, Rumanio, Rusio, Serbio (kaj poste Jugoslavio), Suomio.
3. Post la Dua Mondmilito, sur la teritorio de parto de la iama Germana Regno ekestis "landoj" (ŝtatoj) formiĝontaj, en 1948, la Federacian Respublikon Germanion respektive la Germanan Demokratian Respublikon.
4. Ekde la 1-a de januaro 1979 ekzistas, en Svislando, la kantono Ĵuraso formita el ĉefe franclingvaj distriktoj de la iama kantono Berno.
5. Post 1989 disfalis Sovetunio kaj Jugoslavio, kaj "naskiĝis" novaj ŝtatoj (krom la supre menciitaj), ekzemple: Armenio, Azerbajĝano, Belorusio, Moldavio, Kartvelio kaj Ukrainio.
6. En 1993 Ĉeĥoslovakio dividiĝis en la Ĉeĥan Respublikon kaj la Slovakan Respublikon.

## KONKLUDE:

***Kial tia senperforta reformado de la politika mapo ne imageblas far la regantoj de multaj aliaj ŝtatoj?***

Kiel ĝenerala opinio evidentiĝis la starpunkto ke Kosovo plenrajte deklaris sin sendependa kaj ke, nature, la saman rajton havas ĉiu etno/popolo.

Pluraj ĉeestantoj intervenis: Serbo vivanta nun en Kroatio atentigis ke Kosovo prefere atendintus ankoraŭ iom da tempo antaŭ ol fari tiun ĉi paŝon. Iu insistis ke la rilatoj inter etnoj devus harmoniiĝi surbaze de federaciismaj principoj. Tamen, pri tiu ĉi - en la kazo de Kosovo - apenaŭ aplikebla ideo la kunvenanoj ne diskutis. *UJM*

*Vjaĉeslav Ivanov*

# SUD-OSETIO

## KIAL OSETOJ NE ŜATAS ESTI EN KVARTELIO

En aŭgusto disvolviĝis en la etnista diskulisto (etnismo@googlegroups.com) tre interesa diskuto pri la tiama situacio inter Kartvelio, Sudosetio kaj Rusio. Esperantistoj, foje sufiĉe fakaj pri la temo, el Rusio, Hungario, Katalunio, ktp interŝanĝis nuancitajn vidpunktojn pri tiu temo, tro ofte traktata en la ŝtataj informilaroj laŭ ŝovinisma aŭ simpligita usona kaj rusia vindpunkto. La okcidentanoj plej ofte simpatiis Kartvelion, sed oni nun vidas, ke pluraj enketoj kaj konfidencaj dokumentoj aperintaj en la usonaj gazetoj tendencas al pli firma kondamno de la atako de Kvartelio[1]. La legantoj de ***Etnismo*** jam estis pretigitaj al tiuj kaŭkazaj temoj fare de la enketo de *Kalle Kniivilä* pri Abĥazio en la numero 82, kaj nun ni aperigas du novajn rigardojn pri tiu regiono, sekvata de komento far estrarano de **IKEL**. Via opinio ankaŭ interesas nin, kaj, se ĝi alportas materialon al pliriĉigo de la debato, ni volonte publikigos ĝin en letero de legantoj.

Pri la konflikto ĉirkaŭ Sud-Osetio estis multo dirita de diversaj amaskomunikiloj kaj kun diversaj akcentoj. Estas eble ne plu interese paroli pri tio, nek mi sentus min rajta, ĉar tiutempe mi forestis el Osetio kaj nenion vidis mem. Spertojn rekte el Osetio eblas trovi cetere en interretaj fontoj kiel www.osradio.info, se vi ŝatas. Sed eble pli atentan leganton interesas, kio antaŭis la ĉi-aŭgustan konflikton, do el kio fontas la tensio en Osetio. Mi provu skribi pri kelkaj faktoj kaj eventuale pri iliaj traktoj.

### LA UNUAJ RIFUĜINTOJ

La unuaj rifuĝintoj el Sud-Osetio estas tute ne tiuj, kiuj aperis en Norda Kaŭkazio en 2008.
Kiel osetoj mem kutimas kredi, ilia lando libervole aliĝis al la Rusia Imperio en 1774. Fakte en tiu jaro aliĝis nur la parto nun konata kiel Norda Osetio, dum la suda loĝ-areo de osetoj en 1783, kun la tuta Orienta Kartvelio, iĝis protektata lando laŭ la Pakto de *Georgijevsk*. Tamen osetoj emas konsideri, ke aliĝo al Rusio estis tutpopola deziro, kiun oni ne ŝanĝu.
En 1917, post la unua (februara) revolucio, sud-osetaj intelektuloj kunvokis en *Ĝava* (lastatempe famiĝinta) deputitojn el diversaj loĝlokoj. En la kunveno oni porparolis demokratian respublikon en Rusio. Oni ankaŭ formulis tie: «Se kaŭkaziaj popoloj havos teritori-naciajn aŭtonomiojn, do ankaŭ osetoj, unuiĝintaj en unu nacia unuo, havu la rajton pri memdecido». Post la socialisma revolucio en Rusio, en Sud-Osetio estis proklamita soveta potenco. La tbilisa potenco, decidinta konstrui sendependan ŝtaton en la limoj de la 18-a jarcento, rifuzis agnoski sovetan respublikon en Osetio. En majo 1920 ministro de eksteraj aferoj de juna Soveta Rusio skribis al Kartvelio: «Al la Suda Osetio, kie estis proklamita Soveta Respubliko, estas senditaj kartvelaj trupoj por neniigi ties potencon. Ni insistas, se tio veras, revoki la trupojn el Osetio, ĉar ni opinias, ke Osetio devas havi tian potencon, kian ĝi preferas. Enmiksiĝo de Kartvelio povus esti enmiksiĝo en aliulajn internajn aferojn». Al tio el Kartvelio venis respondo, ke en la lando forestas Osetio.
En Sud-Osetio tiam oni ankoraŭ esperis pri helpo flanke de Rusio kaj pri aliĝo al la bolŝevisma ŝtato, sed la esperoj estis vanaj: la malforta Rusio subskribis packontrakton kun Kartvelio, kiu agnoskis la limon laŭ la pintoj de Kaŭkazo. Post tio, en somero de 1920, en Sud-Osetio okazis io, kion osetoj preferas nomi genocido. Tiam la unuaj rifuĝintoj amase aperis en Nord-Osetio (oficiale nomata tiam Tereka Respubliko). Ili povis reveni nur post la jaro 1921, kiam en Kartvelio, post la invado de bolŝevisma Ruĝa Armeo, ŝanĝiĝis potenco. Rememorige pri tiu tempo en Nord-Osetio restis kelkaj vilaĝoj, kies loĝantaro parolas osete kun la specifa suda akĉento.

### SKRIBO KIEL SPEGULO DE VIVO

Oseta skribo ekzistas ekde la mezo de la 19-a jarcento, bazita sur la cirila alfabeto. Post la Oktobra revolucio ĝi daŭre estis uzata (kaj pli vaste instruata). En 1923 en ĝi aperis la unua numero de la aperanta ĝis nun en Nord-Osetio ĵurnalo *Rastdzinad* (Vero). En la sama jaro, kadre de prepariĝo al la tutmonda socialisma revolucio, la skribo estis latinigita. Latinigo okazis tiam ĉie tra la lando, baldaŭ estis pretaj ankaŭ la projektoj por latinigi la rusan mem, sed tiuj ne plenumiĝis. Venis al potenco *Stalin* kaj la politiko, ankaŭ lingva, estis rekonsiderata — kaj la skribojn oni komencis revenigadi al la cirila bazo. Ankaŭ la oseta en 1938 ekuzis la cirilan skribon, sed ne tiun, kiun oni uzis antaŭ la revolucio (estis do la tria skribsistemo en la daŭro de unu generacio).
En la sama jaro 1938 ankaŭ la kartvelaj osetoj ŝanĝis sian skribsistemon de la latina ... al la kartvela. Dum pluraj jaroj osetoj en la nordo skribis cirile, dum en la sudo — per la kartvelaj literoj. Per si mem la kartvela oseta alfabeto ne estis malbona (i. a. ĝi reprezentis ĉiun fonemon per aparta simbolo, kio estas konsiderata bonaĵo), sed malbonis la disigiteco de la

skriba tradicio de la sama popolo ene de la sama ŝtato.
En 1951 grupo de osetaj intelektuloj, inter ili ankaŭ studentoj, elpaŝis en sud-osetia ĉefurbo Ĉĥinvalo (tiam *Staliniri*, omaĝe al *Stalin*) kontraŭ fermado de osetlingvaj mezlernejoj kaj kontraŭ la mirinda sistemo de du alfabetoj por la sama lingvo. Iliaj postuloj estis traktitaj kiel "burĝa naciismo" kaj la protestintoj estis severe punitaj: fermita juĝproceso sendis kvin el ili en prizonon, la plej mallonga punperiodo estis ok jaroj, dum la plej longa — dudek kvin. Nur en 1954 sukcesis la klopodoj rehavigi al la osetoj komunan cirilan skribon uzatan ĝis nun. Tiamaniere la osetoj sur la sudaj deklivoj de Kaŭkaza montaro devige ŝanĝis alfabeton kvarfoje dum la 20-a jarcento.

## NOVAJ RIFUĜINTOJ

En 1991 Kartvelio proklamis sian eliron el Sovetunio, tuj poste okazis prezidentaj elektoj, en kiuj gajnis *Zviad Gamsaĥurdia*, konata kontraŭsoveta demokratiema aganto. La demokratiaj ideoj de *Gamsaĥurdia* tamen neniel atingis la osetojn. En intervjuo por la itala gazeto *La Stampa*, en februaro 1991, li tiel respondis al la demando pri proklamo de sendependeco fare de Sud-Osetio: «Certe ĝi estas kontraŭleĝa, samkiel la postaj elektoj por starigi parlamenton de tiel nomata [oseta] demokratia respubliko. Kion vi dirus, se araboj, loĝantaj en Italio, proklamus en via teritorio Araban respublikon?» Ideo pri fremdeco de osetoj en Kartvelio estis parto de lia retoriko.
Armita konflikto kaj fortranĉo de elektro kaj gaso tiam kaŭzis dekojn da viktimoj. Pluraj miloj fuĝis al Norda Osetio kaj al aliaj regionoj de Rusio. Inter la viktimoj de tiu konflikto estis malvarmiĝintaj maljunuloj en nesufiĉe hejtita vartejo, novnaskitoj kiujn ne eblis helpi sen elektro kaj aliaj tiaj. La situacio estis konservita en junio 1992 per interkonsento inter *Ŝevardnadze* (en tiu tempo jam prezidento de Kartvelio) kaj *Jelcin* en *Soĉi*. Laŭ la subskribita interkonsento okazis pafĉeso kaj estis formita Miksita Kontrola Komisiono kun reprezentantoj de la kvar interesitaj flankoj: Kartvelio, Rusio, Sud-Osetio kaj Nord-Osetio. En tiu ne tre stabila formo Sud-Osetio sukcesis ekzisti ĝis aŭgusto 2004, kiam la juna kartvela prezidento *Saakaŝvili* provis sturmi *Ĉĥinvalon* la unuan fojon. Pretekste de kontraŭstaro al kontrabando, li ankaŭ fakte fermis komercajn interŝanĝojn, kiuj tre proksimigis la lokanojn en la konflikta regiono.
Dum kelkaj lastaj jaroj Kartvelio elspezadis signifajn monsumojn por renovigo de siaj armiloj kaj por trejnado de profesia armeo. En Sud-Osetio oni komprenis, ke estas preparo al certa milito kontraŭ Sud-Osetio. Malgraŭ la repaciga interkonsento de la jaro 1992, la atako kontraŭ *Ĉĥinvalo* vere okazis. Ĝi komenciĝis nokte per tre densa artileria kaj raketa pafado, kiu celis la tuton de la malgranda urbo. Viktimoj povus esti eble pli multaj, se anticipe, timante grupiĝon de kartveliaj trupoj ĉirkaŭ la urbo, oni ne sendintus al Nord-Osetio multajn infanojn kaj virinojn. Estis ĝis neuzebleco detruitaj pluraj konstruaĵoj, inter ili la Sud-Osetia Ŝtata Universitato kaj la *Ĉĥinval*-a malsanulejo. Bombo forŝiris la kapon de monumento omaĝa al *Vaso Abajev*, la eminenta oseta filologo-iranisto, estis detruitaj aŭ serioze damaĝitaj kelkaj preĝejoj.

## ESTONTECO

Osetoj ne komprenas, kiam okcidentaj politikistoj parolas pri "tuteco de Kartvelio" kiel ĉefa principo de eventuala repaciĝo. En la malgranda respubliko oni insistas pri la fakto, ke Sud-Osetio neniam estis en konsisto de la nuna kartvela ŝtato; laŭ la sama sovetunia leĝo, kiu ebligis sendependiĝon de la uniaj respublikoj, povis elekti sian sorton ankaŭ iliaj aŭtonomioj, emfazas lokaj juristoj.
Reveno en Kartvelion estas neimagebla por osetoj. Ili volas aliĝi al Rusio, por ke la tuta etno estu finfine en unu ŝtato, aŭ minimume konservi la nunan staton, kiam Sud-Osetio estas sendependa kun fortaj ligoj al la Nordo.
«Kartveloj povintus fari ĉion ĝuste, kaj nun ni estus aŭtonomio en Kartvelio, senprobleme, — komentis private mia amiko el Sud-Osetio. — Sed ili fuŝis kelkfoje sinsekve, kaj neniu plu fidos iliajn plej belajn promesojn». Mi ankoraŭ ne parolis kun li post la aŭgusta milito, eble li iĝis eĉ pli radikala. *VI*

*Sergeo Paĥomov*

# ABĤAZIO

Nord-okcidente de Kartvelio situas de nun sendependa respubliko Abĥazio. Abĥazoj nomas sin *Apsua* kaj sian landon *Apsny* (*Apsni* signifas la Lando de Animo). Tie dum la sovetunia regado estis la plej bonaj nigramaraj banlokoj: Suĥumo, Gagro, Picundo, Nova Afono. Laŭ siaj deveno, kulturo, kaj lingvo abĥazoj multe distingiĝas de kartveloj. La abĥaza lingvo rilatas al la abĥaza-adiga lingva grupo. Laŭreligie abĥazoj estas islamanoj-sunaitoj aŭ kristanoj rus-ortodoksaj. Abĥazoj estas tre antikvaj loĝantoj de Okcidenta Kaŭkazo. Notoj pri iliaj praavoj sub nomo "abeŝla" estas en asiriaj skriboj de la dua duono de la unua jarmilo antaŭ Kristo. En la oka ĝis la deka jarcentoj post Kristo abĥazaj triboj scipovis unuiĝi kaj krei memstaran abĥazan regnon. Fine de la dekvina ĝis komence de la deknaŭa

jarcentoj Abĥazio troviĝis sub potenco de la Otomana Imperio, tiam parto de la abĥazoj estis islamigita. En Rusion Abĥazio eniris en la jaro 1810. En 1921 estis kreita Abĥaza Soveta Socialisma Respubliko, kiun en la 1931-a jaro oni transformis en aŭtonoman respublikon kadre de Kartvela SSR (do oni malaltigis ĝian ŝtatan nivelon, tiam regis en Sovetunio la kartvelo *Ĝugaŝvili* - alinome la fifamega *Stalin*). La sorto de la abĥaza popolo estis komplikita de planita translokiĝado de kartveloj en Abĥazion dum la diktatora reĝimo de tiu *Stalin-Ĝugaŝvili*. Rezulte en la jaro 1990 kartveloj en Abĥazio estis duoble pli ol abĥazoj mem. Post sendependiĝo de Kartvelio en 1991, ankaŭ Abĥazio deklaris sian sendependiĝon, kio kaŭzis veran kartvelan-abĥazan militon en 1992-1993 kaj amasan fuĝon de kartveloj el Abĥazio. La belegaj abĥazaj ĉe-maraj banlokoj estis absolute detruitaj kaj la loka ekonomio estis paralizita. Dank'al perado de Rusio kaj UN la militaj agoj estis haltigitaj sed la konflikto ĝis nun ne estis pacigita: Abĥazio ne rezignis pri siaj postuloj kaj plejparto de la kartvelaj rifuĝintoj ne sukcesis reveni Abĥazien kaj vivi tie trankvile. En Abĥazio estis elektita la unua prezidento *Ardzinba*, poste dum dua elektado venkis la nuna prezidento *S. Bagapŝ*. Abĥazio kelkfoje turnis sin al monda komunumo petante agnoskon kiel sendependan landon. La situacio tuj ŝanĝiĝis post la agnosko de la sendependiĝo de Kosovo fare de kelkaj landoj. Ĉu abĥazoj ne rajtas la samon? Post la fifamaj eventoj en Suda Osetio la popoloj de Suda Osetio kaj Abĥazio deklaris, ke ili ne plu vivos kun kartveloj en unu sama ŝtato. *SI*

**KOMENTO:**

Tiuj du artikoloj - pri Sud-Osetio kaj Abĥazio - povus kredigi, ke ***Etnismo*** adoptis "rusan" vidpunkton pri tiuj du tre ligitaj konfliktoj. Al tio ni respondos 1) ne nur la "okcidenta" aliro al tiuj problemoj, kiom disvastigita ĝi povu esti, meritas estis konata 2) oni tiel pli bone povas kompreni, ke solvo respektanta la integrecon de Kartvelio ne plu eblas, tiom profundaj estas la malkonsentoj inter kartveloj unuflanke, sud-osetoj kaj abĥazoj aliflanke. Sed tio ne malhelpas, ke la fakta integriĝo de la nun du "sendependaj" respublikoj en la Rusia Federacio ankaŭ ne estas akceptebla solvo. Interalie la nura fakto, ke la rusa registaro parolis pri sia rajto ĉie defendi la "ruslingvanojn" (rajto akceptita interalie de la tiama prezidento de Eŭropa Unio, *Nicolas Sarkozy*), montras ĝis kiu punkto la rusa povo respektas la etnecon de abĥazoj kaj sud-osetoj. Tro ofte en nia mondo la etaj popoloj povas nur elekti (kiam ili povas tion fari), de kiu tigro ili estos manĝataj. Kaj ***Etnismo*** ĝuste volus kontribui, kompreneble en la limo de siaj ege modestaj rimedoj, kaj al pli bona kompreno de tiaj konfliktoj, kaj al pli granda respekto al etnoj minacataj kaj suferantaj, ofte kondamnitaj al distingo kaj apliko de la malpli damaĝa solvo. *Alain Favre*

**Notoj:** [1] Franclingva blogo de ĵurnalisto faka pri Kaŭkazo: <http://erichoesli.blog.24heures.ch/>
<http://news.bbc.co.uk/2/hi/in_depth/europe/2008/georgia_russia_conflict/default.stm>
<http://topics.nytimes.com/top/news/international/countriesandterritories/georgia/index.html>.

# La unua romano arpitanlingva

(francprovenca lingvo)

## en superdialekta ortografio aperis!




## Lo Temps

*Florent Corradin*, *Aliance Culturèla Arpitana* - Septembre 2008

**Resumo:** Kia miraklo remetis la statuon de Nia Sinjorino en ĝian unuan lokon malsupre en la malnova preĝejo?
Tuj post la dua mondmilito en la Aosta Valo, ankoraŭ ne stabila inter pasinteco kaj futuro, konstruo de akvobaraĵego vekas diskutojn en iu eta montara komunumo.
Homaj kaj politikaj pasioj, amoj kaj mortoj kruciĝas en la koro de la Alpoj.

La superdialekta ortografio ORB ebligas al ĉiuj konantoj de latinidaj lingvoj pli malpli elturniĝi en la kompreno de tiu romano kun leksiko je ĉiu paĝo.
Tamen la superdialekta vortaro francoprovenca-franca de *Dominique Stich* igos vian legadon pli plaĉa. Ambaŭ mendeblas je:
<http://www.arpitania.eu>

*Eric Vernay*

# LA ARPITANA,

## minorigita kaj forgesita lingvo sur la franca teritorio

Tiu letero aperis en la bretona informagentejo. Ĝin skribis la kreinto kaj moderanto de la arpitana retejo. Ni aperigas ĝin opiniante, ke ĝi donas bonan bildon pri la nuna situacio de la arpitana/francprovenca lingvo en Francio. Ankaŭ en la rubriko "Koncize el ..." vi trovos informojn pri tiu lingvo.

*Saint-Etienne*, la 3-an de oktobro 2008

La arpitana (aŭ francprovenca), gaŭllatinida lingvo samkiel la ojl- kaj ok-lingvoj, ankoraŭ parolata nuntempe sed de malpliiĝantaj grupoj en la francaj departementoj *Loire*, *Rhône*, *Isère*, *Ain*, *Jura*, *Saône-et-Loire*, *Savoie* kaj Haute-*Savoie* (oni povus aldoni partojn de aliaj, NdR), en svisaj kantonoj *Fribourg*, *Vaud*, *Valais*, en itala aŭtonoma regiono Aostvalo kaj en pluraj valoj de Piemonto, estas tutsimple forgesita lingvo.



**Dum la lasta internacia festo pri la arpitana, okazinta lastseptembre, en *Carema* piemonta municipo, *Carlo Rossi*, ĵurnalisto el Aostavalo, prelegis pri la uzo de la arpitana en la radio. Intervenis *Jaques Mounir*, el la svisa kantono Valezo (stara maldekstre).**

Forgesita de ĉiuj: de la ministerio de edukado ĝis la aktivuloj por la aliaj regionaj lingvoj. Ĝis la punkto, ke dum la debatoj de la 7-a de majo en la parlamento, la ununura mencio de tiu lingvo estis farita de la ministrino pri kulturo kadre de la listo de la lingvoj de Francio. Neniu el la deputitoj de la koncernata lingvo-areo juĝis oportune esprimiĝi tiurilate. Tamen militantoj por la arpitana vigle aktivas. Ĉiujare okazas internacia festo de la arpitana, en unu el la tri landoj, kie etendiĝas Arpitanio, festo al kiu aliĝas plurmiloj da homoj. La francaj deputitoj elektitaj en la arpitana areo, kiuj ne ĉeestis dum la debato de la 7-a de majo, tamen scias pri tiuj klopodoj por subteni la lingvon, ĉar dum la festo de 2007 en *Saint-Symphorien-sur-Coise* (en departemento *Rhône*, proksime al Liono), pluraj el ili estis invititaj aŭ almenaŭ ludis rolon por ricevo de subvencioj. La administra regiono Rodano-Alpoj (kiu kunigas plejmulte da departementoj arpitanlingvaj, NdR) mem financis enketon en 2008 pri la stato de la lingvo kaj pri la rimedoj uzendaj por ĝin plifortigi. Ankaŭ la sinsekvaj ministroj pri nacia edukado bone scias pri ties ekzisto, ĉar ili je ĉiu peto de la *Association des Enseignants de Savoyard* (asocio de la instruistoj de la savoja - dialektaro de la arpitana, NdR) rifuzas plene agnoski tiun lingvon, kun harstarigaj pretekstoj. Sed plej miriga estas la foresto de ĉiaspeca mencio pri la arpitana en la diverslokaj artikoloj de la aktivuloj pri regionaj lingvoj, ĉefe ekde majo, kiam ekestis la multnombraj peripetioj rilate la enskribon de la regionaj lingvoj en la konstitucion. Ĉu la obstino de la ministerio pri edukado en sia rifuzo de la arpitanaj petoj sukcesis havi influon ĝis tiu punkto?

De kelkaj jaroj la arpitana disponas komunan skribmanieron, nomatan ORB (Ortografio de Referenco B, - post la unua provo de ORA, finfine ne tiom modifita, NdR), danke al la klopodoj de D-ro *Dominique Stich*. Krom la tre multaj publikigoj en diversaj fonetikaj grafioj, kiuj aperas ĉiujare, iuj aŭtoroj komencas verki en ORB, kompreninte, ke cele al la disvastigo de tekstoj ekster la devena dialekta komunumo necesas faciligi la legadon por kiel eble plej multaj arpitanoj. Translima asocio, *Associacion Culturèla Arpitanna*, havas interalie la celon publikigi verkojn en tiu ĉi skribmaniero. Ni bezonas agnoskigi nian lingvon flanke de la ministerio de edukado por akceli la procezon de revigligo de la arpitana, kaj por tio necesas la subteno de vi ĉiuj, la militantoj de la aliaj regionaj lingvoj. Ni do petas vin eligi nin el la forgeso, en kiu ni estas plensperte tenataj por eviti la engaĝiĝon de la ŝtato en la instrukanaloj. Parolu pri ni en viaj artokoloj, parolu pri nia aktualo, konigu nin en viaj informcirkvitoj. Ni ja bezonas vian subtenon! Por scii pli: http://www.arpitania.eu.

El la bretona retagentejo agencebretagnepresse.com

Tradukis *Alain Favre*

Xabier Rico Iturriotz

# La hispana registaro kaj la hispana justico kontraŭ la eŭska registaro

Dum ĉi tiuj lastaj jaroj en Eŭskio ni alkutimiĝis al la malbonaj rilatoj inter la hispana kaj la eŭska registaroj.

Jam antaŭ kvar jaroj, kiam la prezidanto de la registaro de Eŭska Aŭtonoma Komunumo (EAK)[1] prezentis antaŭ la hispana parlamento projekton de nova aŭtonoma statuso, ĝi estis rifuzita. Krome la hispana flanko ne akceptis veran parlamentan diskuton kaj taksis la menciitan projekton kiel eblan vojon al separatisma agado. Veras ke tiu projekto menciis "la rajton memdecidi", sed trois la takso pri "separatismo".



http://accel21.mettre-put-idata.over-blog.com/2/10/76/02//ibarretxe.jpg

***Juan Jose Ibarretxe***

Post tiu rifuzo la prezidanto de EAK, la modera eŭska naciisto *Juan Jose Ibarretxe*, esploris aliajn vojojn kaj, "celante striktan respekton de la hispana leĝaro", finfine proponis leĝon aprobitan pasintjunie de la eŭska parlamento. Temis pri la "Leĝo cele al Konsulto" de la eŭska popolo pri du punktoj. Kiam oni diras "konsulto" tio signifas ke la rezulto de tiu konsulto havos neniun postan leĝan efikon. La eŭska registaro volis ke oni ĝin organizu laŭ la teknikaj kondiĉoj kutime uzataj por referendumoj.

La du demandoj al la loĝantaro estis pli malpli jenaj:

- Unue: Ĉu vi konsentas ke oni petu al la organizo *ETA* ke ĝi ĉesu sian perfortan agadon cele al posta konversacio pri definitiva ĉeso de la perforta agado? (sama rezolucio estis aprobita de la hispana registaro dum la militpaŭzo de *ETA*).

- Due: Ĉu vi konsentas ke oni eku diskuton inter la eŭskaj partioj por atingi Demokratian Konsenton pri la rajto de Eŭskio memdecidi pri sia statuso kaj por ke la loĝantaro voĉdonu tiun konsenton en 2010?

La celo de tiu konsulto estis certiĝi, ke plejmultaj loĝantoj de Eŭska Aŭtonomia Komunumo favoras novan aŭtonoman statuton, kiu eble povus enhavi "la rajton al memdecido de la eŭskoj" kaj havi klaran argumenton por peti ŝanĝojn en la fundamentaj hispanaj leĝoj.

La reago kaj la verdikto, meze de tiu lasta septembro, de la hispana Konstitucia Kortumo, kiu definitive nuligis la Leĝon pri Konsulto, estis tute kontraŭaj al tiu agado.

La ĉefaj argumentoj de la du institucioj estis jenaj:

**- Unue**: **Oni diras ke ne estas referendumo, sed fakte tio estas. Kaj la povo uzi balotajn metodojn apartenas nur al la hispana registaro kaj "ni ne volas doni rajton pri tio".**

Laŭ mia opinio, kial ne doni tiun rajton al iu konsulto kiu havas neniun leĝan devigon?

**- Due: Laŭ la hispana konstitucio klaras ke pri gravaj aferoj neniu aŭtonoma komunumo rajtas memdecidi. La suvereneco apartenas al la hispana popolo, neniam al "parto" de ĝi.**

Certe. Sed oni povas dubi pri la demokrateco de la hispana konstitucio kiu enhavas jenan dogmon: "la uneco de Hispanio estas tute ne disigebla". Krome, ĉu vere tiuj demandoj ne havantaj leĝan efikon atencas kontraŭ la suvereneco de Hispanio?

Verŝajne la hispanemaj partioj timis, ke post jesa popola respondo al la dua demando pri memdecido, oni sekvu la vojon al nova aŭtonoma statuso, kiu povus enhavi iamaniere la rajton de Eŭskio al memdecido .

Trie: La hispana registaro - kaj la partioj kiuj en EAK konsentas kun ĝi - ankaŭ argumentas ke Aŭtonomia Statuso bezonas konsenton inter hispanemaj kaj




**Manifestacio de la organizo *Lokarri* favore al konsulto kaj al politika kaj socia konsento.**

kaj eŭskemaj partioj ĉar se ne, oni dis-igos la so-cion.

Prave, la plej granda inter-konsento ĉi-am preferin-das. Tamen, se ne eblus tiel larĝa konsento, ĉu akordo de la plej multo estas malbona?

Ankaŭ en Hispanio la socio estas disigita inter du ĉefaj partioj, la Socialisma Partio kaj la Popola Partio. Ĉu gravas ke Skotlando estas disigita inter favoruloj kaj ne favoruloj al sendependeco? Kaj Kebekio? La vero estas ke en tiuj landoj la problemo estas solvita ĉar versajne la brita registaro kaj certe la kanada agnoskas rajton al memdetermino.

Laŭ mia opinio oni uzas la argumenton de la socia disigo por ekde eventuala minoritata rezultato malebligi venkon de la pli multo.

Post la nuligo de la Leĝo pri Konsulto fare de la Konstitucia Kortumo kvar politikaj partioj ekigis iniciaton por popola subskribo favora al tiu leĝo. Tamen la loĝantaro ne tro entuziasme apogas ĝin.

Verŝajne pli pezas en la politika etoso la venontaj balotoj okazontaj venontmarte en EAK. Oni antaŭvidas ke la balotoj iĝu duelo inter la nuna prezidanto – la modera eŭska naciisto *Juan Jose Ibarretxe* - kaj la hispanema socialisto *Patxi Lopez*.

Tamen eĉ pli pezas aliaj du gravaj aferoj kiuj ege interplektiĝas kaj nuntempe ĝenas la politikan agadon de la plejmulto de la eŭska loĝantaro:

Unu estas afero ege konata: la persisto de la perforta agado de la organizo *ETA* al kiu kontraŭas pli kaj pli da homoj. Meze de septembro okazis tri atencoj per veturila bombo kaj mortis unu homo.

La alia estas la ne plenumado de la Homaj Rajtoj fare de la hispana ŝtato: Torturo estas ofta kiam oni arestas supozatajn *ETA*-anojn kaj Internacia Amnestio ĉiujare denuncas ĝin. La hispana justico preskaŭ ĉiam silentas pri tiu tikla afero. Aliflanke, la familianoj de la enkarcerigitaj *ETA*-anoj devas viziti ilin en ege malproksimaj maliberejoj. Krome la leĝo por malpermesi politikajn organizaĵojn ideologie proksimaj al *ETA* estas laŭ multaj fakuloj tute ne demokratia.

Meze de tiu disputa etoso inter eŭskaj kaj hispanaj naciistoj, de la persista agado de *ETA* kaj de la laciĝo de la loĝantaro estas malfacile antaŭvidi taŭgan eliron



**Unu el la lastaj atencoj de *ETA* en septembro. Ĝi okazis en la urbo *Santoña* kaj mortis hispana militisto.**

akcepteblan de la plejmulto.

Tamen estas homoj kiuj formike kaj ne tre videble laboras. Iu el tiuj diris: "Por ke ni ĉiuj venkos, ĉiu devas rezigni pri io". Se ni frontas la malesperon kaj lacecon, iam forta suno neniigos la nunajn nigrajn nubojn. *XRI*

**Notoj:**

[1] Ni klarigu ke ekzistas aliaj du teritorioj historie eŭskaj: Nafaro - aparta aŭtonoma komunumo ene de Hispanio -, kaj la tri historiaj nordeŭskaj pro-vincoj kiuj, estante parto de la franca depar-tamento Atlantikaj Pireneoj, havas neniun oficialan agnoskon.

*Nicole Margot*

# Pinta Konferenco en Bruselo pri romaoj

Unuafoje la eŭropuniaj institucioj, la ŝtataj estraroj kaj la organizaĵoj el la civila societo de Eŭropo kunvenis je la plej alta nivelo por ekzameni la situacion de la romaoj en Eŭropo kaj por trovi plibonigajn solvojn. 400 reprezentantojn entute kunvokis la Eŭropa Komisiono kune kun la Franca prezidenteco de EU por doni sekvon al la unua rekono, en decembro 2007, fare de la EU-estroj, pri la aparta situacio en kiu troviĝas la romaa popolo. Tiun jaron grupo de altnivelaj ekspertoj pri socia integriĝo de etnaj minoritatoj kaj pri ilia partopreno al la labormerkato listigis 14 grandajn obstaklojn al profesia integriĝo:

- Mankoj en edukado kaj en formiĝo.
- Mankoj en lingvaj kapabloj.
- Manko de rekono pri kvalifikoj.
- Ne sufiĉa aliro al la labora mondo.
- Manko de integriga politiko.
- Stereotipoj kaj antaŭjuĝoj.
- Industriaj mutacioj.
- Mallogaj efikoj de la sistemoj pri socia sekureco.
- Marĝenigo.
- Manko de informoj.
- Konkurenco sur la labormerkato kaj nedeklarita laboro.

Kaj la romaoj renkontas preskaŭ ĉiujn tiujn obstaklojn, sed la ĉefaj restas por ili edukado, dungado, sano kaj loĝado. Multaj gravaj partoprenantoj ĉeestis la konferencon, kiel la prezidanto de la Eŭropa Komisiono *José Manuel*

*Barroso*, kaj multaj aliaj komisionanoj, francaj politikistoj, diversaj ŝtatministroj, la vicprezidanto de la Monda Banko *Shigeo Katse*, la financisto *Georges Sorros* kaj reprezentantoj de romaaj asocioj, kiel *Romani Rose*, prezidanto de la centra konsilantaro de la Sintioj kaj Romaoj el Germanio.

La Komisiono firme intencas agi en kampoj kie ĝi kompetentas garantiante, inter alie, la jam validan eŭropan leĝaron pri egaleco inter la personoj sen distingo de raso aŭ de etna origino, sed ĝi konsideras, ke integriĝo de la romaoj dependas antaŭ ĉio de la ŝtata kompetentecoj. La Komisiono subtenas kaj kunordigas la ŝtatajn iniciativojn. Tiuj intencoj troviĝas en la deklaracio adoptita je la fino de la konferenco substrekanta ankaŭ, ke por vera integriĝo necesas plifortigi la individuajn rajtojn kaj konsideri la gravecon de la romaa partopreno tra la propraj asocioj.

Sed kelkajn tagojn antaŭ la konferenco la Komisiono subtenis la kritikatan censon iniciatitan de la itala registaro (vidu apelacion en **IKEL**-informas), konsideratan kiel etnan enslipigon. Tio vekis viglan diskuton dum la konferenco.

*José Nanuel Barroso* provis malgravigi tiun decidon: «Vi denuncas etnan diskriminacion. La Komisiono tute samnivelas kun via starpunkto.» La financisto *Georges Sorros* defendis la romaojn: «Etna enslipigo devus esti neleĝa kaj mi esperas, ke la Eŭropa Kortumo pri Justico evidentigos tiun fakton.»

*May Bittel*, fondinta membro de la Eŭropa Romaa Forumo, timas, ke «se oni aprobas la italan manieron agi, tuta Eŭropo sekvos.»

Dum la lasta Pinta Konferenco de Eŭropa Unio



*Christine Boutin*, franca ministrino pri loĝado kaj urbo (kiu fakte neniam kritikis la italan ŝtaton), insistis por ke oni integru la romaojn en pluraj projektoj pri defendo de fundamentaj rajtoj kaj, ke oni identigu konkretajn agojn por 2009 kaj 2010. Oni antaŭvidas ankaŭ pli bonan uzon de la Strukturaj Fondusoj de la Unio. *NM*

# KONCIZE EL ...

**ELZACO Ĉesigo de televidprogramo.** La Ĝenerala Konsilantaro de la franca departemento Malalta Rejno akceptis la 27-an de oktobro 2008 mocion, kiu «bedaŭras la nekomprenblan ĉesigon de la vaste aŭskultata televida elsendo "*Sür un siess*" disaŭdita de *France 3 Alsace*». Tiu elsendo, kies elzaclingva nomo signifas "Akra kaj dolĉa", kunigis ĉiusabate ĉirkaŭ la 17-a horo publikon amatoran de kuirreceptoj kaj de agrablaj babiladoj kun gastoj invititaj de la televido, elsendo en kiu oni uzis la elzacan lingvon. La malaltrejna asembleo «forte petas de la prezidanteco de *France 3* la refunkciigon de tiu elsendo, kies ĉesigo reprezentas bedaŭrindan regreson, kiam la regionaj lingvoj trovas sian lokon en la konstitucio», kaj la asembleo ripetas sian peton, ke «oni donu al *France 3 Alsace* veran televidan mision en regiono, kiu deziras ne malkreskigi sed kreskigi la uzon de la regiona lingvo.»

En letero adresita la 22-an de oktobro al la regiona direktorino de *France 3 Alsace*, la malaltrejna senatano *Philippe Richert* jam petis klarigojn kaj esprimis la deziron, ke «tiu nekomprenebla decido estu nuligita aŭ ke oni provu ripari la damaĝon kaŭzitan». Peticio estis lanĉita sur la reto (http://3232.lapetition.be) fare de elzacino vivanta en USONO. Ĝi jam rikoltis pli ol 1.000 subskribojn.

La presservo de *France 3 Alsace* respondis, «ke la "sukceson" de la elsendo hodiaŭ elprogramigita instigis la televidon daŭrigi regionkuirartajn rendevuojn laŭ renovigita formo. La decido ne plu aperigi tiun elsendon en la nova programaro esprimas la elekton de la ĝeneraliga ŝtata televido, kiu devas regule evolui por ĉiam plibone kontentigi la telespektantojn. Tial nova elsendo pri kuirarto estos programita matene en la franca kaj dimanĉa rendevuo en la elzaca estis programita».

http://www.lalsace.fr

**KATALUNIO *IKEA*-katalogo en la kataluna.** Ŝajnis ne ebla, tamen tio ĵus okazis. Dudek jaroj post sia alteriĝo en Katalunion la firmao *IKEA* decidis eldoni sian ĝeneralan katalogon en la kataluna kaj ĝin sendi senpage al ĉiuj hejmoj. Grava etapo, kiu koncernas unu el la komercaj publikaĵoj plej disvastigitaj en la mondo, kun eldonkvanto de proksimume 200 milionoj da ekzempleroj en 27 diversaj idiomoj, unu miliono el tiuj aperis tiun jaron en la kataluna.

La miraklo povintus okazis antaŭe ĉar de du jaroj la kataluna estraro esprimas deziron, ke la multnacia sveda firmao respektu la leĝon pri lingva politiko. Tamen kiel en aliaj okazoj ni devas konsideri tiun

realigon kiel rimarkindan. La Platformo por la Lingvoj - denove la civila societo - tiam decidis ekagi kaj provis korekti la situacion. Kun protestaj agadoj kaj tempaltempaj diskutoj kun la direktoroj de la firmao la Platformo provis agi, sen sukceso, por ke *IKEA* promesu ĉesi la diskriminacion kontraŭ la kataluna klientaro. Ĝis hodiaŭ.
Stimulita de la kreskoplanoj de la entrepreno en Katalunio kaj certe lerninte, ke vendi en la kataluna signifas vendi pli, finfine *IKEA* ŝanĝis strategion Fine kaj do traktas la katalunan klienton laŭ ĝia ekonomia pezo kaj sekve proponas kvalitajn servojn same kiel por la aliaj eŭropaj klientoj. Pro la bildo de la multnacia firmao en la hodiaŭa komerca mondo, estus dezirinda, ke la "sveda efiko" instigu aliajn entreprenojn - enlandajn aŭ eksterlandajn - agi same. Ni estos gajnantoj.

*Llengues Vives n-o 68*, septembro 2008

**ASTURIO, *UVIÉU* Denunco de lingva malrespeko.** La *Asociación de Xuristas pol Asturianu* (Asocio de Juristoj por la Astura) konigas, en sia tria denuncinformo *L'agonía d'una llingua europea* (La agonio de eŭropa lingvo), la agadon de la hispanaj kaj asturaj institucioj rilate la asturan lingvon, kiun ĝi denuncas kiel "marĝenigo kaj malprotekto". La informo volas malkovrigi la "veran subpremigan vizaĝon", kiun la hispana kaj astura registaroj montras al la astura lingvo.
En la teksto prezentota antaŭ la Eŭropa Konsilantaro, oni kolektis «dekkvar novajn leĝnormojn kaj du leĝprojektojn, kiuj en la lastaj monatoj pliampleksigis la leĝan diskriminacion kontraŭ la astura en plej diversaj kampoj».

*Llengues Vives n-o 66*, majo 2008

**FRANCIO Finfine perspektivoj por la regionaj lingvoj.** En la numero 82 de nia revuo, *Nicole Margot* skribis artikolon «Io moviĝas en Francio». Ĝuste en tiu periodo (junio 2008) la batalo furiozis en la parlamento, momente oni eĉ povis timi, ke mencio de la regionaj lingvoj en la konstitucio denove ne okazos. Tamen konsento inter deputitoj kaj senatanoj finfine efektiviĝis kaj dum la oficiala voĉdono pri la revizio de la konstitucio, precize la 23-an de julio, estis enkondukita, en la parto «pri teritoriaj kolektivaĵoj», la nova artikolo 75-1, kiu tekstas : «La regionaj lingvoj apartenas al la kultura heredaĵo (*patrimoine*) de la respubliko».
Nun necesas leĝo(j) por konkretigi tiun decidon. Oni jam scias, ke la lokaj kolektivaĵoj ludos gravan rolon, sed ne nur ili, io ja okazos ankaŭ ĉe tutŝtata nivelo. Kvankam la agendo de la parlamentanoj nuntempe plenplenas ĉefe pro la tutmonda financa kolapso, iniciatoj precizaj jam ekzistas. Januare de 2009 okazos dutaga kunveno en *Perpignan* (norda Katalunio), kie fakuloj kaj politikuloj, sub la aŭspicioj de *Haut Conseil National pour les Langues Régionales* (Alta Konsilantaro Nacia por la Regionaj Lingvoj), provos starigi principojn cele al la propono de tia(j) leĝo(j).
Siaflanke la Konsilio de Eŭropo denove insistis, por ke Francio ratifu la Eŭropan Ĉarton pri Minoritataj kaj Regionaj Lingvoj, sed pliafoje la franca registaro negative respondis.

*Alain Favre*

**SAVOJO Iom barbaraj metodoj por malpermesi instruadon.** Lastseptembre, komence de la lernojaro, du gimnazianoj abituriĝontaj en venonta junio kaj studantaj en *Annemasse* (norda Savojo) deklaris, ke ili elektas la savojan (francprovencan/arpitanan) kiel opcion por la ekzameno. Ĉar tio okazas ne la unuan fojon kaj ĉiam sensekve, ili estis apogitaj de peticio subskribita de centoj da homoj en la distrikto. Ankaŭ la direktoro de la gimnazio ŝajnis favora al tiu instruado. Tamen la du gejunuloj estis kunvokitaj en la oficejo de la vicdirektoro, kiu pere de premoj kaj minacoj sukcesis subskribigi al ili dokumenton, laŭ kiu ili rezignas pri sia peto. Ĉar la gimnazianoj ankoraŭ ne estas plenkreskuloj, ŝajnas, ke tiu dokumento ne havas leĝan valoron, sed ĉiukaze iom da tempo pasis kaj nun estas jam malfrue interalie por establi programon, trovi instruiston kaj korektiston…
Kvankam pluraj regionaj lingvoj estas instruataj en Francio – ofte kun problemoj kaj obstakloj, sed ankaŭ kun tre bonaj rezultoj – la francprovenca/arpitana malfacile sukcesas trovi veran agnoskon flanke de *Education nationale.* Kunveno en tiu ĉi ministerio lastjulie (precize en la momento, kiam oni modifis la konstitucion favore al la regionaj lingvoj) tamen ebligis havi iom da esperoj… malgraŭ la plua ekzisto de "savantoj" de respubliko, kies konstitucion ili finfine eĉ ne respektas.

*Alain Favre*

**EKVADORO Agnosko de la keĉua kaj suara.** «La oficiala lingvo de Ekvadoro estas la kastilia; la kastilia, la keĉua kaj la suara lingvoj estas oficialaj en la interkulturaj rilatoj». En julio, post okmonata laborado kaj unu sensukcesa balotado, la Ekvadora Parlamento akceptis tiun ci paragrafon en la Konstitucio kaj finfine agnoskis la keĉuan kaj la suaran kiel oficialajn lingvojn. La unua teksto ne pritraktis ilin tiaj sed post la indiĝenaj kritikoj kaj protestoj la redaktantoj devis inkludi ilin kaj el 190 parlamentanoj 90 balotis favore. La Konstitucio devos esti aprobita de la popolo okaze de referendumo venontan septembron.
Sed ankoraŭ restas multo farinda kaj la indiĝenoj ne plene kontentas. Laŭ *Janeth Cuji*, reprezentanto de la Konfederacio de Indiĝenoj de Ekvadoro *(CONAIE)* «En Ekvadoro vivas 14 etnoj kaj nia ĉefa peto estis oficialigi ĉies lingvojn».

*Nicolas Xil Carvalho*




**POLLANDO Repreno de germana nomo *ŁUBOWICE*.** Unuan fojon post la Dua Mondmilito, vilaĝo en Pollando krom sia pola nomo havas sian malnovan germanan. La 4-an de septembro 2008, en tiu vilaĝo *Łubowice/Lubowitz* apud *Raciborz* en (Supra) Silezio estis starigitaj ambaŭlingvaj nomtabuloj. En tiu ĉi vilaĝo, la granda plimulto el la 370 enloĝantoj konfesas sian germanan devenon

*NWZ/usm*

**GROENLANDO Sendependo proksimiĝas.** La 25-an de novembro la groenlanda popolo, kiu konsistas 90% el inuitoj, voĉdonis favore al akceligo de evoluanta aŭtonomio kaj eblo de sendependiĝo el Danlando kadre de nova referendumo, kiu okazos post dek jaroj. Tiu unua grava voĉdonado konfirmis la maturecon de popolo longe konsiderata kiel amaso da drinkuloj kaj asistitoj. Nemalgrava afero, la inuita lingvo, *kalaallisut*, estas nun plene agnoskita kiel oficiala. Entute la estonto de Groenlando estas sufiĉe esperiga, almenaŭ se la registaro sukcesos bone mastrumi la ekonomiajn defiojn kaj ties ekologiajn konsekvencojn, rilate ekzemple fiŝkaptadon kaj ekspluatadon de krudmaterialoj, tutcerte pli kaj pli facile alireblaj pro la klimata varmiĝo. Ankaŭ povos esti iaspeca konflikto unuflanke inter Nordameriko - Kanado kaj Usono - kie vivas aliaj inuitoj, kaj aliflanke Eŭropa Unio, por influi al la nova ŝtato. La nuntempe reganta partio en Nuko, ĉefurbo de Groenlando, *Siumut* (socialdemokratoj) kaj interalie ties ĉefo *Hans Enoksen* devos do bone pesi ĉiujn opciojn por konduki la ĉiam pli "verdan" landon al vera sendependo, vidalvide grandajn ŝtatojn samkiel potencajn internaciajn firmaojn. *Alain Favre*

**KIMRIO La kimra kaj la skotgaela fariĝis "kun-oficialaj" lingvoj de EU!** La 15-an de julio 2008, la Konsilio de Ministroj de Eŭropa Unio decidis agnoski al la kimra kaj la skotgaela la statuson de "kun-oficialaj" lingvoj de la Unio.
Provizore, tiu ĉi decido validas nur por la Konsilio, sed baldaŭ devus komenciĝi la negocadoj por plilarĝigi ĝin al la aliaj eŭropaj institucioj.
Laŭ la interkonsento, la ministroj povos paroli kimre aŭ skotgaele kiam ili reprezentos Britio dum la Konsiliaj kunsidoj, kaj civitanoj povos skribi en tiuj du lingvoj al la Konsiliaj oficistoj. La rilatajn kostojn por interpretado kaj tradukado pagos la naciaj aŭtoritatoj.
La nocio de "kun-oficiala" lingvo naskiĝis en 2005, kiam la Konsilio decidis ke la membroŝtatoj rajtas peti la uzon de unu aŭ pli da aliaj lingvoj krom la oficiala. Nun la kimra kaj skotgaela aldoniĝas al la kataluna, eŭska kaj galega (***Etnismo*** raportis siatempe, kiam tiuj hispaniaj lingvoj kun-oficialiĝis). Sekve, la *kun-oficialaj* lingvoj de EU estas nun kvin. Laŭ reglamento N° 1 de la 15-a de aprilo 1958, poste plurfoje modifita, la *oficialaj* lingvoj estas 23 (angla, bulgara, ĉeĥa, dana, estona, franca, germana, greka, hispana, hungara, irlandgaela, itala, latva, litova, malta, nederlanda, pola, portugala, rumana, slovaka, slovena, suoma, sveda). Eŭropa Unio estas la plej multlingva institucio en la mondo, kaj aktive promocias multlingvecon, kp. *Daniele Vitali*

<http://europa.eu/languages/>



Foto el la retejo de la *BBC*.

**KIMRIO Kiel retmesaĝa eraro retroviĝas sur strata tabulo.** Sur tiu dulingva strattabulo oni po-vas legi en la angla: «Malperme-site al ŝarĝveturiloj. Nur rezi-dejo». La angla versio klaras, sed sube la kimroj surprize povas legi tute alian tekston.
Kiam la funkciuloj de la kimra urbo *Abertawe* (angle: *Swansea*) petis la kimran tradukon de la angla teksto por strata tabulo, ili ricevis respondon skribitan en la kimra: «mi ne estas en la oficejo nun. Bonvolu sendi iun ajn laboron al la tradukado.» La funkciuloj, ne kapablaj legi la kimran, simple kopiis la respondan mesaĝon sub la anglan version kredante, ke temas pri la traduko. Tiu novaĵo aperis sur la retejo de la *BBC*, sed ĝi estas kompletita de rimarkoj aperintaj sur la forumo de **IKEL** far *Daffyd ab Iago*, kimra parolanto, kiu substrekas, ke la kimra ĝenerale ne estas komprenata de la britoj. Kelta lingvo, ĝi estas pli fremda al ili, ol ekzemple la kataluna al kastilianoj. Li tamen demandas sin ĉu, absoluta ne kono de la kimra en urbo, kiel *Abertowe*, kie multaj ĝin parolas, normalas. Sed li notas, ke ĝuste la registaro de tiu urbo ne estas konata pro agado subtene al la kimra. Tiaj stultaj tradukoj, laŭ li, ne maloftas. *NM*

Hektor Alos I Font

# Enkonduko
## al la
## principaro kaj valoroj de Kataluna Esperanto-Asocio

Kvankam la kunverkantoj de tiu principaro inspiriĝis de pli fruaj manifestoj kaj deklaracioj, malmultaj esperanto-asocioj serioze pripensas siajn valorojn kaj celojn. En 1978 la fondintoj de **IKEL** celis pli ol nuran propagandon de internacia lingvo. En 1996 UEA esprimis vidpunkton pri lingva demokratio kaj diverseco. Sed, kiel diras la enkonduko al la principaro de KEA en Libera Folio, tiu Praga Manifesto de UEA, kvankam esenca unua paŝo, restis foje je nuraj sloganoj necesigantaj pli profundigon. Samjare Deklaracio pri Lingvaj Rajtoj estis lanĉita kaj iom poste la Deklaracio por Etnista Humanismo de **IKEL** ligis ekologion al la defendo de la popoloj kaj proklamis plilarĝigon de Homaj Rajtoj al Popolaj Rajtoj, sed ĝi ne okupiĝis pri lingvoj.
La KEA-dokumento havas la grandan meriton de longa pripenso kaj ŝajne larĝa konsulto. Ĝi respektas lingvan egalecon rifuzante krei hierarkion inter la terminoj internaciaj, regionaj kaj naciaj lingvoj. Ĝi eble estas la unua dokumento, kiu antaŭvidas, ke uzado de neŭtrala interlingvo povus havi negativan influon al lingva ekvilibro. Ĝi enkondukas la tre diskutatan, sed eble foje necesan koncepton de "pozitiva diskriminacio" de lingvo. Ĝi estas esenca pripenso ankaŭ por etnistoj kaj ni malfermas debaton pri ĝi en la kolumnoj de ***Etnismo***. Antaŭ tio ni konsilas vin informiĝi pri la debato jam komencita en Libera Folio <http://www.liberafolio.org/2007/keaprinciparo>.

En diversaj momentoj de sia ekzisto organizoj bezonas starigi dokumentojn, en kiuj oni difinas kun certa grado de precizo starpunktojn, kiuj gvidas sian agadon. Tiel okazis ekz. en UEA antaŭ jardeko per la alpreno de la Manifesto de Prago, aŭ en **IKEL** per la Deklaracio por Etnista Humanismo. Simile dum 2006 kaj 2007 Kataluna Esperanto-Asocio klopodis pli klare difini siajn starpunktojn por pli precize orienti sian agadon kaj trovi pli firman bazon por respondi al la demando, kion esperantistoj precize proponas al la mondo komence de la 21-a jarcento.
La procezo estis longa kaj kompleksa, ĉar, kiel ĉiuj asocioj, la membroj de KEA estas diversaj kaj ne malofte aktivuloj samtempe agas en aliaj organizoj, foje rivalaj. Tamen la problemo ne montriĝis tiom en la akordigo de malsamaj starpunktoj, kiom en la konkretigo de ideoj per precizaj vortoj. La tuto postulis monatojn da komisiona laboro, retajn diskutojn kaj la organizon de debatoj en pluraj naciaj esperanto-renkontiĝoj. Kiam pretis unua malneto, la teksto estis dissendita en septembro 2007 al la du plej gravaj retlistoj de la katalunaj esperantistoj (por junuloj kaj plenaĝuloj) por kolekti sintenojn kaj amendo-proponojn kaj, en la sekva monato, la teksto aperis ankaŭ en la internacia retgazeto Libera Folio, por agi same ĉe alilandaj esperantistoj. La opinioj kolektitaj en ambaŭ okazoj, kaj tre aparte en la dua, montriĝis tre interesaj kaj riĉigas novan version de la teksto, denove senditan por plua diskutado al la lokaj retlistoj kaj fine, per letero al la tuta membraro. Entute, la procezo finiĝis en marto 2008, kiam la supera asocio organo – la membro-asembleo – akceptis definitivan dokumenton.
KEA estas konata pro sia aktivado favora al la minorigitaj lingvoj, tial la teksto proksimas al etnismaj starpunktoj. Aliflanke, ĝi listigas kaj klare montras siajn ĉefajn inspirfontojn: la Universalan Deklaracion pri Homaj Rajtoj de Unuiĝintaj Nacioj, la Universalan Deklaracion pri Lingvaj Rajtoj proponita de diversaj organizoj, i.a. de la Internacia PEN-Klubo, kaj la Manifeston de Prago de Universala Esperanto-Asocio.
Kiel ŝlosilajn ideojn oni povas substreki, ke per ĝi KEA deklaras sin asocio por paco kaj por la lingvaj rajtoj. Kiel elemento, videblas, ke ĝi apelacias al individuaj rajtoj, sed ne al kolektivaj. Por protekti la lingvan diversecon, la dokumento subtenas la proponon de lingvoteritorioj de la Universala Deklaracio de la Lingvaj Rajtoj, kvankam mildigas ĝin per la agnosko de lingvomedioj (ekz. por diasporaj popoloj). La protekto de la lingva diverseco kaj de la lingvaj rajtoj okupas, fakte, la plej grandan parton de la Principaro –la ĉefa elemento de la dokumento– kaj en ĝi indas rimarkigi la bazan tri-ŝtupan modelon kun 1) hejma lingvo, 2) nacia lingvo kaj 3) neŭtrala internacia lingvo, surbaze de kiu oni faras proponojn por harmonia kunvivado de la tri niveloj.
Ĝuste ĉi tiu tri-ŝtupa modelo montriĝas konsiderinde malsama al la kvar-nivela modelo restarigita de Universala Esperanto-Asocio okaze de konsulto de la Homrajta Konsilio de Unuiĝintaj Nacioj pri lingvaj rajtoj. La dokumento, diskonigita en gazetara komuniko de la 9a de septembro, proponas kvar-ŝtupan nivelon kun 1) gepatra lingvo, 2) "regiona" lingvo, 3) "nacia" lingvo kaj 4) neŭtrala internacia lingvo. Kritika komparo inter ambaŭ tekstoj aperis en Libera Folio la 22-an de septembro sub la titolo "UEA kaj KEA: ĉu diverĝaj starpunktoj?". *HAIF*

# PRINCIPARO KAJ VALOROJ DE KATALUNAJ ESPERANTISTOJ

## CELOJ DE LA ASOCIO

*a)* Disvastigi en la katalunlingva teritorio Esperanton, kiel neŭtralan internacian helplingvon, kiel la plej bonan eblon por lingva demokratio, garantiantan la valorojn de la lingvaj rajtoj, de la lingva diverseco kaj de la rajto al plena komunikado inter homoj kun malsamaj lingvoj.
*b)* Instigi en la katalunlingva teritorio la uzadon de la propra lingvo kaj diskonigi la katalunan kulturon en la mondo kaj aliajn kulturojn pere de esperanto.

## VALOROJ DE LA ASOCIO

*a)* La lingvaj rajtoj, komprenataj kiel nedisigebla komplemento de la homaj rajtoj.
*b)* La lingva diverseco, komprenata kiel esenca parto de la kultura diverseco.
*c)* La rajto al plena komunikado inter homoj kun diversaj lingvoj, kiel rimedo por venki la antaŭjuĝojn, survoje al packulturo.

## PRINCIPOJ DE LA ASOCIO

En nia aktivado por la lingvaj rajtoj ni konsideras, ke:
· La **lingvaj rajtoj**, disvolvitaj surbaze de la **homaj rajtoj**, estas esenca elemento de libereco kaj de paco.
· La **egaleco de lingva rajtoj** de la individuoj kaj de la komunumoj estas esencaj por tiu celo. Nenio devas miskomprenigi, ke ekzistas lingvoj pli taŭgaj por difinitaj celoj, kvankam la plej privilegiitaj tavoloj de la hegemoniaj komunumoj kaj de tiuj asimilitaj ofte instigas tion pensi al multaj homoj per sia ekonomia, politika kaj milita potenco aŭ pro sia prestiĝo.
· La **diverseco** estas garantio de kultura riĉo. La sennombraj formoj fari kaj diri estas parto de la **komuna homa heredaĵo**, trezore akumulita dum jarmiloj. Ni volas kontribui al la vivtenado de la kultura diverseco kaj, aparte, de tiu lingva.
· La **komunikado** inter la diversaj komunumoj estas necesa por interkonatiĝo, helpanta al la libereco de ĉiu el ili, kio estas fundamento de **paco**. La flueco de komunikado inter la komunumoj kreskigas senton de **solidareco** kaj samtempe ebligas, ke la diversaj kulturoj komplemente riĉigu unu la alian. Ni volas kontribui al tio, ke la informfluoj fariĝu vere **multflankaj**.
· Ni konsideras nesufiĉa la celon korekti la preskaŭ**monopolon de unu nacia lingvo** en la monda interkomunikado per **oligopolo de kelkaj lingvoj**.
· Ni konsideras la konceptan kaj valoran dividon inter lingvoj internaciaj, naciaj kaj regionaj, manifestiĝo de **lingva imperiismo**. Neŭtrala lingvo, kiel esperanto, povas agi kiel **ponto**, favorante kaj substrekante la plenan egalecon de la lingvoj.
· La uzado de neŭtrala internacia helplingvo, aŭ *interlingvo*, ne devas negative influi la ĉiutagan vivon de la lingvaj komunumoj kaj oni devas ĝin rezervi, pere de taŭga konsciigo kaj trafaj lingvopolitikoj, por specifaj funkcioj, por ne damaĝi la **ekologian ekvilibron** inter ili. Ĉion, kion povas plenumi la lokaj lingvoj, ne devas plenumi la tutmonda interlingvo.
· Por kontribui al tiu ekvilibro, ni konsideras necesa **pozitivan diskriminacion** por atingi la normaligon de la minorigitaj lingvoj en ties medio aŭ teritorio kaj tiel defendi la lingvan diversecon. Krome, ni pledas por la rajto de la enmigrintoj lerni sian denaskan lingvon, inkluzivante ĝin en la rajton je movo de la homoj.
· La uzado de neŭtrala interlingvo, apud tiu propra, ne ekskludas, sed favorigas la uzadon de aliaj lingvoj danke al la tempoŝparo per la lernado de ponta lingvo kaj al la disvastigo de la konscio pri egaleco, valoro kaj respekto por la lingva diverseco: ni opinias, ke dezirindas **instigi la lernadon de fremdaj lingvoj**, ĉefe de tiuj geografie kaj kulture proksimaj. La **pasiva plurlingveco** estas taŭga eblo por helpi la komprenon de pliaj lingvoj sen damaĝi tiun propran.
· La uzado de interlingvo neŭtrala kaj facila estas grava, sed malsufiĉa per si mem. Kvankam ĝi estas praktika pruvo de la egaleco inter la lingvoj, kaj ni konstatas, ke tiu justocela perspektivo enradikiĝas en konsiderinda parto de la esperantolingvanoj, ni konsideras, ke **gravas la plua edukado al la valoroj de la diverseco kaj de la egaleco de rajtoj, specife de tiuj lingvaj**.

Traduko de la teksto aprobita de la asembleo de Kataluna Esperanto-Asocio, la 1-an de marto 2008



**- INFORMILO 63**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj, Honora prezidanto:** ***Uwe Joachim Moritz***

# 30-a JUBILEO DE IKEL

La 25-an de septembro 1978 kelkaj esperantistoj engaĝitaj en la lukto por defendo de la senŝtataj popoloj, opiniante, ke Esperanto aparte taŭgas por interetna uzo, fondis **IKEL** en Barcelono, la kataluna ĉefurbo.

Tiuj fondintoj unue membris en la **Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK),** kiu elektis nomi sin en Esperanto. La tiamaj malmultaj esperantistaj membroj de tiu asocio esperis, ke de tiu nomo esperantlingva kreiĝos programo en la internacia lingvo. Laŭ artikolo de *Uwe Joachim Moritz* en la numero 20, **IKEL-informilo 1**, de ***Etnismo***, evidentiĝis ke la plej multaj aktivuloj de AIDMLK same **«kiel tiuj de la esperantismaj organizoj, ne komprenis la interdependecon de la diversaj aspektoj de la lingva problemo».** La artikolo daŭrigas dirante, ke **«Post preparaj diskutoj dum la AIDMLK-kongreso en Barcelono, ĉi-julie, grupeto fondis en la kataluna ĉefurbo, la 25-an de septembro 1978, asocion sub la nomo:**

27

IKEL-INFORMILO 1

## NOVA PAŜO POR INTEGRIGI ETNISTOJN KAJ INTERNACIISTOJN

Kiam, en 1972, la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK), okaze de sia kongreso en Klagenfurt/Celovec (Karintio, Aŭstrio) decidis alpreni tiun ĉi nomon kiel unuan, sub kiu aperu alilingvaj formoj, la tiutempe ege malmultaj internacilingvaj membroj de AIDMLK aŭdacis esperi ke nomo estas programo. Evidentiĝis intertempe ke la plej multaj aktivuloj de AIDMLK, simile kiel tiuj de la esperantismaj organizoj, ne komprenas la interdependecon de la diversaj aspektoj de la lingva problemo.

Post preparaj diskutoj dum la AIDMLK-kongreso en Barcelono, ĉi-julie, grupeto da integristoj fondis, en la kataluna ĉefurbo, la 25-an de septembro 1978 asocion sub la nomo

INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ ( IKEL ).

Citaĵo el la statuto akceptita samdate plej klare montras la intencojn:

"2. Agad-principoj 2.1. La asocio bazas sian agadon sur la principo de ĉiu etno en la kadro de tuthomara solidareco. La konsistigaj elementoj de etno estas la komunaj denaska lingvo kaj tradicio. 2.2. La asocio tutmonde
2.2.1. - kolektas informojn pri la historio kaj nuna situacio de la etnoj;
2.2.2. - diskonatigas tiajn informojn per ĉiuj adekvataj rimedoj, precipe per publicaĵoj, seminarioj, prelegoj kaj manifestacioj;
2.2.3. - intervenas ĉe lokaj, regionaj, ŝtataj kaj internaciaj institucioj kaj aŭtoritatoj por forigi diskriminacion kontraŭ etnoj;
2.2.4. - pledas por la uzado de la internacia lingvo Esperanto en ĉiuj interetnaj rilatoj.
2.3. La asocio kunlaboras kun ĉiuj movadoj, institucioj kaj individuoj sur la kampo de batalado kontraŭ etna diskriminacio, restante tamen sendependa de kiu ajn parti-politika aŭ religia ideologio."

La fondintoj de IKEL elektis provizoran estraron, kiu ampleksas la laŭstatutan minimumon de 4 personoj: prezidanto - Uwe Joachim Moritz, Stolberg (FRG), vicprezidanto - Llibert Puig, Sabadell (Katalunio, Hispanio), sekretario - Francesc Ibañez, Barcelono, kasisto - Llorenç Martí, Sabadell.

La jara membrokotizo estas 2o,-- gm kaj inkluzivas la abonon de ETNISMO, en kiu aperas la oficialaj informoj de IKEL.

La fondintoj decidis ke la unua ordinara membrokunveno okazu dum la 64-a Universala Kongreso en Lucerno, inter la 28-a de julio kaj la 4-a de aŭgusto 1979.

IKEL apelacias al ĉiuj aktivantoj en la kampo de etnaj/lingvaj problemoj ke ili membriĝu en IKEL, kiu klopodos esti peranto inter la du movadoj, tiu de la protektado kaj prosperigo de la minacataj lingvoj kaj tiu de la Internacia Lingvo.

**INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL).**
Jen la nomoj de tiu unua estraro:

**Prezidanto:** *Uwe Joachim Moritz*, Germanio.
**Vicprezidanto:** *Llibert Puig, Sabadell.*
**Sekretario:** *Francesc Ibáñez*, Barcelono.
**Kasisto:** *Llorenç Marti, Sabadell.*»

Ni gratulas kaj dankas tiujn unuajn **IKEL**-membrojn, kiuj frue komprenis la gravecon de Esperanto por la etnoj kaj seninterrompe agadis por la minacataj lingvoj kaj popoloj en kaj ekster Esperantio, kaj kun plezuro ni konstatas, ke du el tiuj fondintoj plu aktivas en **IKEL**: *Uwe Joachim Moritz*, honora prezidanto, regule kontribuas per sendo de artikoloj al ***Etnismo***, kaj *Llibert Puig* samtempe presigas kaj dissendas ***Etnismo***-n kaj ĉi-jare fariĝis kasisto. *NM*

# IKEL en la 93-a Universala Kongreso en Roterdamo



Fotis *Daniele Vitali.*
***Uwe Moritz*** **preleganta.**

**IKEL** aparte videblis en tiu lasta Universala Kongreso. Sabate en la Movada Foiro pluraj membroj deĵoris je nia budo. Dimanĉe, pro erara troa rezervado de salono, ni ĝuis pri tre interesa improvizita prelego de la prezidanto de UEA, ***Probal Daŝgupta***, kiu, deirante de la etna situacio en Bharato, kondukis nin tra konsideroj pri transdono de tradiciaj valoroj inter generacioj al pripensoj koncerne la evoluon de la etnoj en nia ĉiam pli miksiĝanta mondo. Lia oratora talento kaptis la ĉeestantojn.
Unu horon poste komenciĝis la prelegoj pri la kongresa temo dum kiu ni povis aŭdi la prelegon de Pr-ro *Marc Van Oostendorp* pri Nederlandaj lingvoj (p. 11 de ĉi tiu numero).
Ĵaŭde tagmeze *Uwe Joachim Moritz* enkondukis debaton pri **Sindeterminado de la popoloj kaj la internacia juro** (p. 13 de tiu numero).
Kaj vendrede okazis nia membrokunveno, kies protokolo sekvas:



Fotis *Daniele Vitali.*
**Elirante la prelegsalonon.**

**PROTOKOLO DE LA MEMBROKUNVENO**
**Roterdamo la 25-an de julio 2008**
Ĉeestas 15 homoj.

1. Agadraporto koncerne la periodon 2006 - 2008, fare de la prezidanto.
Tiu raporto estas unuanime akceptita.

2. Kontoj koncerne la pasintan jaron, fare de la kasistino.
Ili estas unuanime akceptitaj.



Fotis *Uwe Joachim Moritz.*
**Komence de la membra kunveno kun *Ursula Schnelle Moritz*, kasistino de IKEL dum 11 jaroj, kiu ne reprezentiĝis.**

3. Pago de la kotizo.
Estos memorigfolio en la lasta numero de la jaro, kun laŭbezona readmono en la unua numero de la jaro (2 koloraj paperoj entute).
Tiu decido estas unuanime akceptita krom du sindetenoj.

4. Sendo de letero al la ekvadora registaro cele al la konservo de la keĉua kiel dua oficiala lingvo de la lando: unuanime akceptita.

5. Sendo de letero al la itala ĉefministro kun kopio al la ministro pri internaj aferoj rilate la maltrankviligan situacion de la romaoj en Italio: unuanime akceptita krom du sindetenoj.

6. Elekto de nova kasisto.
*Ursula Schnelle-Moritz* rezignas pri tiu posteno post multaj jaroj de tre bona laboro. *Libert Puig* estas unua-nime akceptita kiel nova kasisto de la asocio.

Protokolis
*Alain Favre*.



Fotis *Danile Vitali.*
***Llibert Puig*****, la nova kasisto.**

# APELACIO AL LA ITALA REGISTARO

**Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj**

Roterdamo 2008

**Apelacio**
Al la Ĉefministro de Italio
*Silvio Berlusconi*
Al la Ministro pri Internaj Aferoj de Italio
*Roberto Maroni*

**La Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** estas asocio, kiu tutmonde pledas por la rajtoj de etnaj malplimultoj.

**IKEL** sekvas kun granda zorgo la evoluojn en Italio koncerne la politikon, kiun la registaro volas sekvi pri la romaoj. La paŝoj, kiujn la registaro intencas entrepreni, kiel la kreado de "speciala komisaro por la romaoj" aŭ la speciala katalogado de la romaoj, estas laŭ ni forte kritikindaj.
Ŝajnas al ni evidente, ke ĉiuj loĝantoj de Italio devas respekti la samajn leĝojn kaj havi la samajn devojn, sed ankaŭ la samajn rajtojn. "Speciala komisaro pri la romaoj" signifas ke oni konsideras la romaojn precipa fonto de la problemoj de sekureco kaj publika ordo en Italio, kio evidente ne estas vera.
Kaj tiu speciala katalogado, krom esti diskriminacia, ankaŭ kreas etoson, en kiu la romaoj ne plu sentas sin sekuraj, kaj iliaj infanoj ne plu iras al la lernejo - la kontraŭo de tio, kio necesas.
Ni estas firme konvinkitaj pri tio, ke moderna registaro devas strebi al adekvata solvado de la problemoj, anstataŭ komplezi la plej obskurajn punktojn de sia publika opinio. Kaj la problemo de socia marĝeneco de la romaoj solveblas en unu sola maniero: ilia socia integriĝo.
Necesas do ke la romaaj infanoj iru al lernejo, ke la plenkreskaj havu la eblecon labori kaj ke la kampadejoj estu provizitaj per la bazaj servoj.
Ni memorigas interalie, ke Italio agnoskis, per leĝo N° 482 de la 15-a de decembro 1999 (*Norme in materia di tutela delle minoranze linguistiche storiche*), ĉiujn siajn historiajn lingvajn minoritatojn, sed lastminute forstrekis el la teksto ĝuste la romaojn. Male, la necesa socia integriĝo ankaŭ antaŭsupozas agnoskon kaj respekton por la romaaj lingvo kaj kulturo.
Ni cetere antentigas, ke estas false aserti, ke ĉiuj romaoj venas el Rumanio: krom la fakto, ke Rumanio estas eŭrop-unia lando kaj baldaŭ aliĝos al la Ŝengena konvencio pri libera cirkulado de homoj, ankaŭ necesas priatenti, ke ekzistas italiaj ciganoj, kiujn oni same neglektas.
Sekve, la membraro de **IKEL**, kunsidinta en Roterdamo la 25-an de julio 2008, apelacias al la italia registaro por ke ĝi reviziu sian ĝisnunan politikon rilate la romaojn kaj, anstataŭ subpremi ilin, celu al ilia socia integriĝo.
Ni substrekas, ke tiu socia integriĝo neniel bezonas esti asimila: ja la plej bona solvo estus ke romaoj ĉesu suferi diskriminacion sed restu romaoj, kun plena rajto al agnosko kaj disvolvado de la propra lingvo.
Ni urĝe postulas de la italia registaro, ke ĝi adoptu la necesajn paŝojn por realigi tian politikon kaj ke ĝi respektu la internaciajn deklaraciojn kaj konvenciojn pri homaj rajtoj kaj EU-traktatoj, kiujn Italio libervole subskribis.

La prezidanto de **IKEL**, *Daniele Vitali*


Preskaŭ ĉiuj estraranoj.

## PRI *ETNISMO*

En la lasta numero mi aludis, ke lastprintempe mankis al mi artikoloj por ***Etnismo***, kaj mi alvokis ĉies kunlaboremojn. Sekve de tio mi volas ĉi-tie danki ĉiujn kunlaborantojn, kiuj, respektante la limdaton, sendis multajn interesajn kontribuojn, kiel vi povas vidi en tiu ĉi numero.

## KOREKTIGO

Ni ricevis la sekvan mesaĝon de **IKEL**-membro, sinjoro *Kimura Goro*:

«Koran dankon pro la ĉiam interesaj numeroj de ***Etnismo***. Mi fieras, ke tia gazeto ekzistas en Esperantujo.

En la antaŭlasta numero, n-ro 81, estas prezentitaj la **IKEL**-membro dum UK en Japanio (p.32). Bedaŭrinde, la vico malĝustas.

Apud *Istvan Ertl* staras laŭvice *Kimura Goro*, *Hosida Acusi* kaj la tria japano ankoraŭ nemembra (li nomiĝas *Kabayama Yusuke*).

Kvamkam tute negrava afero, dokumentcele estus bele, se vi povus mallonge korekti la ordon en la venonta numero.»

Ni tre volonte reaperigas tiun foton kun la supraj korektoj. *NM*



**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas *Etnismo*-n sen krompago. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en *Etnismo* ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

## ESTRARO:

**PREZIDANTO:** **Daniele VITALI** (padiano),
Rue de Flandre/Vlaamse Steenweg 143
B-1000 Bruxelles / Brussel
tel. poŝa: ++ 32 487 433698, retadreso: etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: www.geocities.com/ikeldv

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO:** **Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
1062 postakutxa,
20080 Donostia, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: ++ 34 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net

**KASISTO:** **Llibert Puig** (kataluno)
Güell i Ferrer 223-1, ES-08203 Sabadell, Catalunya
tel: ++34-937109636, retadreso: l.puig@esperanto.cat

**KUNREDAKTISTO:** **Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), av. Pla del Vinyet, 91, 1r 1a, 08190 Sant Cugat del Vallès, Katalunio, tel. ++ 34 93 589 75 33, retadreso: h.alos@esperanto-ct.org
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO:**
**KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO,**
poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

## KOTIZOJ KAJ KONTOJ:

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "tria-monda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en ***Etnismo***!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p. 15.Rabato por membroj de **IKEL:** 10 %.

**Venonta redaktolimdato:**
**15-a de marto 2009**